# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

Okt.-Nov.-Dec. 2007 n°124 4,40 €


# Dalai-Lama kaj Usona Prezidanto



Mi pretas premi ies ajn manon, nur por spiti la Ĉinan Kompartion !



renkontiĝis

Kaj tiel, plie mi forvendas miajn nevenditaĵojn



Jen por vi, altestimata, Tinĉjo en mia lando... En esperanto... Kun mia subskribo....

Sed...mi ne komprenas esperanton !

!!

Ankaŭ mi ne !





Fakte, ne gravas... Kiam mi malfermas libron, mi nur rigardas la bildojn...

ISSN 0398-5822

# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO<br>18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres.<br>R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO<br>22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo<br>143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO<br>22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen<br>Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO<br>18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO<br>22 € | Esperanto-Asocio de Britio,<br>Station Road, Barlaston,<br>STOKE-ON-TRENT, ST12 9DE, Britio. |
| ĈEĤIO<br>14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1,<br>CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO<br>22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv.<br>2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 &<br>+45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO<br>22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo)<br>+ UFE, 4 bis rue de la Cerisaie,<br>75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO<br>22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven<br>Wiclefstr.9, D-10551 Berlin<br>Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO<br>(Eŭskio) | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa<br>20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio)<br>21 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008<br>08200 Sabadell |
| HUNGARIO<br>14 € | Besenyei Anna, Szerémi ùt 21 IV 20,<br>HU-1117 Budapest |
| ITALIO<br>22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129<br>Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO<br>22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16<br>Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO<br>33,2 CAD | Yves Bellefeuille.<br>2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO<br>14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic<br>Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb<br>+ Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO<br>14 € | LitEA, p. k. 167<br>LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO<br>22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64<br>Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO<br>14 € | Jerzy Handzlik,<br>43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO<br>14 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca,<br>Str. Vlahuţă 7/6 |
| RUSLANDO<br>14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad,<br>k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO<br>22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8<br>SE-242 35 Hörby |
| USONO<br>27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129,<br>EL CERRITO, Cal. 94530 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

## La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneţ. | 4,40 € |

## La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

## La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |
| 4. Kompendio pli blazonoj, S. Sire **reeldono** | 4,00 € |

## Speciala numero

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

## Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

## Libroj (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

La KancerKliniko
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

lkk@free.fr

N° 124
Okt./Nov./Dec. 2007

Ĵak Le Puil
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR44 2004 1000 0112 7297 3x02 088
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Laŭrenco Septier**
**Michel Duc Goninaz**
**Manuel de Seabra**
**Arnau**
**Jopetro Danvy**
**Kurisu Kei**
**Peter Browne**
**Hu Guozhu**
**Ionel Oneț**
**Vilhelmo Lutermano**
**Christian Rivière**
**Fra Gaeta**
**Gennadij Turkov**
**Armela**

# Retenu min!

Post legado de La Kuracoservo vi komprenos tiun titolon! (do ek al!) Jen denove kolora kovrilpaĝo, dank' al Serge Sire, kiu neniam paneas – male al lia aŭtomobilo – pri bildaj deliraĵoj. De Pekino, post restado en Ŝanhajo, Septier baraktegis por sendi siajn memoraĵojn. Malpli da problemoj havis nia plu kantanta optimisto Duc Goninaz por sendi sian taglibron...

Jen la dua parto de La Supervivantoj de Manuel de Seabra, kaj denove Arnau en Afriko. Jopetro raportas pri la UK en Jokohamo kaj Kurisu Kei konstatas ke Vana estis konsilo! Post la fino, ĉi-numere, de la 3a ĉapitro de Vizaĝoj de Verakruco, de Peter Browne, atendas vin 4 aliaj, do ne malesperu... Legu iomete en E-o kaj en la rumana, ŝercu kun Guozhu kaj kantu kun Ionel Oneț kaj Serge Sire (kiu ne nur desegnas kaj paneas). Revenis Vilhelmo Lutermano kun traduko de Henriko Bolo kaj alvenis leteroj... Christian Rivière kaj Fra Gaeta politikumas poezie. Poste ĝuu la poemojn de Fra Gaeta, Basyô tra Gennadij Turkov kaj Peter Browne kaj fine jen iu Maleden far Sire, kiu meritis ne dormadi en la reto.

Kun tiu ĉi numero vi ricevos nian Krom-on, kiun ni ŝuldas al Manuel de Seabra. "Belan donacon Manuel faris al LKK" diris Armela... Ja ŝi (preskaŭ) ĉiam pravas....

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo

# La Kuracoservo

## *Ĵak Le Puil*

"La prezoj de benzino kaj de mazuto ne devas malaltiĝi, ĉar tiel la homoj malpli uzos siajn aŭtomobilojn kaj ŝanĝos siajn hejtadaparatojn." Tiun nekredeblan deklaracion faris iu ekologiista deputito franca! En Francio, dudek milionoj da homoj uzas mazuton por hejti sian domon. Kiom da inter ili havas sufiĉe da mono por ŝanĝi sian hejtilon? Same milionoj da homoj nepre bezonas sian aŭtomobilon por iri al sia laborejo, por iri al kuracisto, por iri aĉeti manĝaĵojn kaj, kiam restas iom da mono al ili, por iri al spektaklejo aŭ nur por viziti amikojn!

Kaj tiu "verda" deputito, cetere kun ĉiuj aliaj deputitoj, dekstruloj kaj maldekstruloj, eĉ komunistoj, voĉdonis antaŭ nelonge – tute diskrete kompreneble, kaj nur kelkajn monatojn antaŭ la balotado por la nova respublikprezidanto – por pluhavi sian deputitsalajron, 6952 € monate, dum sesdek monatoj (kvin jaroj!) anstataŭ ses monatoj, kiel ĝis nun, en kazo de nereelekto. Plie la samaj homoj voĉdonis por ricevi *dumvive* 20% de tiu sumo! Feliĉaj senlaboruloj, kiuj post nur kvinjara laboro, dank' al tiu ĉi monkompenso ne vere bezonos labori pli por gajni pli! Ili eĉ ne devos devige pruvi ke novan laboron ili provas trovi, male al la ordinaraj senlaboruloj... Estas tiuj samaj ulaĉoj, kiuj decidis ke la monatribuo por plenkreska handikapito estos de 610 € monate kaj ke la minimumo por maljunulo estos de 365,97 € monate! Nur du gazetoj donis tiun informon, "La katenigita anaso" kaj iu el suda Francio, dum la televido- kaj radiostacioj komplete ignoris ĝin!

Mi min retenas por ne aperigi en ĉiu rubriko mia la mirindan poemon de Gaston Couté "La voĉdonantoj", kiun vi povis legi en la antaŭa LKK! (nova abonanto, vi scias kion vi devas mendi nun!).

Uf! mi sukcesis reteni min... Ni venu nun al alia absurdaĵo, malpli grava por nia monujo, sed tamen reliefiganta nian nunan epokon de fariseismo.

Svedino estis devigata krei spacon en plej granda parto de sia propra ĝardeno, kie ŝi ne rajtos fumi! Tio okazis post plendo de najbaro, advokato, kiu asertis ke foje li estis devigata surmeti maskon en sia ĝardeno pro la fumo! Mi ne dubas ke tiu ul' procesos ankaŭ por malpermesi al aviadiloj superflugi sian ĝardenon, al aŭtoj kaj mopedoj veturi laŭlonge de ĝi kaj al atestantoj de Jehovo alproksimiĝi! Sed li ja povos akcepti en sian ĝardenon, senrisko, kelkajn samideanojn kaj eĉ "kamaradojn"!

Foje tamen mi feliĉas esti lerninta Esperanton! En LKK-123 vi povis legi brilan poemon de Stephen Dobyns *Kegloludantoj anonimaj*, en traduko de Jack Wright. Mi tute ne konis tiun usonan verkiston, sed mia amiko sciigis min, post rilato kun la aŭtoro mem, pri la francaj tradukoj de tiu ĉi verkisto. Mi do unue provis trovi ilin en la plej proksima urba biblioteko. Bone, estis unu, sed ve nur slipe; la libro ne estis trovebla! Mi do mendis al mia preferata librovendisto, kiu post pluraj semajnoj sukcesis trovi unuan romanon "La du mortoj de la señora Puccini" (The two deaths of senora Puccini) kaj iom poste novelaron, kun titolo, kiu tute ne similas la originalan, "Kia damaĝo" (Eating Noked). Mi tuj voris la romanon, kies etoso estas prema kaj kies stilo rekta, trafa. En urbeto de Sud-Ameriko, amikoj de la infanaĝo, nun kvindekjaraj, kutimas retroviĝi dufoje jare dum vespermanĝo. Tiun jaron, civila milito furiozas kaj ili nur kvarope kuniĝas ĉe la doktoro Pacheco. Tiam ili observas sin unu la alian kaj parolas pri si mem, miksante mensogojn kaj sian mizeran ĉiutagecon, ĝis fantasmoj erotikaj. Pacheco, siaflanke, formetas la vualon pri la sekreto de sia vivo, pri la motivo de sia deziro kaj de sia pereo: la mistera señora Puccini, lia servistino.

Pri la novelaro, Armela pli rapidis ol mi – direndas, ke ŝi antaŭe jam legis la Señora Puccini! – kaj estas ĝin leganta. Mi do devas pacienci kaj estas nun orfo de Dobyns, ĉar laŭ mia preferata librovendistino (ja la edzino de mia preferata librovendisto) la aliaj francaj tradukoj estas elĉerpitaj. Do restis al mi tempo por legi la sesan eldonon de la *Vivo de Zamenhof* far Edmond Privat (eldonis UEA) kaj restos tempo por legi libron ricevitan antaŭ du horoj, *Mortopuno*, kun Klaŭdo Mizerulo de Viktoro Hugo kaj tekstoj de Tolstoj, Nekrasov, Ravaŝolo, ktp (eldonis SAT-Eldona Fako Kooperativa). Jen ekvilibro!

# Ĉinaj memoraĵoj (6)

*Laŭrenco Septier*

## Necesaj necesejoj (*)

[...] Kaj pro tio, kion ni trinkis (pluvegis sed ankaŭ varmegis : akvon, teon, kafon, bieron ...), kaj eble pro la bruo de l' pluvo, baldaŭ Anny ne plu povis elteni : nepre necesis, ke ŝi rapide, eĉ kiel eble plej rapide, pisu. Ŝajnis ke nia novkonatulino ja ankoraŭ sentis la saman urĝon, kaj mi mem sentis, ke ... Komplete malsekaj pro la pluvego, provante kiel eble plej singardeme eviti la pluvon dank' al diversaj ŝirmiloj sed bedaŭrinde sen tro da sukceso, ni marŝis unu post la alia sur la strato, pensante nur pri io : pisi, pisi kaj pisi. Ju pli ni pensis pri pisado, des pli pluvis, ni marŝis ne plu surstrate sed surmare, kvazaŭglitis... Homoj ne tiom svarmis ... tro pluvis ... Ni preskaŭ kuris en tiu varmega, flavgrizkolora kaj akva atmosfero, ĉiun paŝon nova danĝero, tamen pluiris : pisi, pisi, pisi jen la nura moto ... Ni ne aparte atentis la domegojn el la 30aj jaroj, el la kolonia periodo, nun okupitaj per tro multe da familioj ... ne havis deziron pri tio, nur deziris varme pisi.

Sed kiel fari en lando, kies lingvon vi ne parolas, ĉefe ne povas legi, por scii, kie kaj kio estas necesejo ? Plurajn fojojn nia espero estis perfidita : ne, tio ne estas pisejo, tio estas (verŝajne) poŝtoficejo, ne, tio ne estas pisejo, tio estas (atendejo ? hospitalo ? banko ? - ne komprenis ...). Kaj jes ja FINFINE ni vidis etan piktogramon evidentan, kaj la du virinoj kuris dekstren dum mi maldekstreniris ... strangis al mi, ke nur estis muro kun defluilo sed ne havis tempon cerbumi, kaj jen ... uf ... mi apenaŭ atentis la virojn kiuj fekis malantaŭ mi ... legante gazetojn, fumante cigaredojn, interparolante kiel en kafejo ...

Kiam ni triope rekuniĝis, la du virinoj rakontis : la ina necesejo havas nek pordojn nek murojn, nur defluilojn, nur grandegan ĉambregon, t. e. ke ĉiuj pisaj (aŭ fekas) kune, interparolante, ĉiu povas senĝene vidi tion, kion faras la alian... kaj ĉar verŝajne okcidentan(in)oj ne tre oftas, la ĉinaj virinoj iom post iom alproksimiĝis, por pli bone rigardi Anny-on kaj la amikinon pisantajn. Memkompreneble pro la urĝego ili ambaŭ ... finis, sed rapide forkuris !!! [...]

Kiom da fojoj dum dudek jaroj mi timis pro subita pis- aŭ fek-bezono esti devigata uzi tiajn necesejojn ... nun en grandaj urboj ĉio tio ŝanĝiĝis tiagrade, ke ni mem en Francio rajtas honti pro neekzisto de publikaj necesecoj : se vi bezonas pisi en Parizo aŭ Marsejlo, kiel ... elmerdiĝi ? Kaj malgraŭ la protesto de kelkuloj, kiuj taksos vulgaran mian ĉitagan temon, mi povas aserti al vi ke pis-bezono povas perturbi iun ajn eĉ seriozan situacion : mi jam ekbezonis foje pisi dum "Rejnoro" Wagnera ĵus antaŭ la alveno de l'gigantuloj Fasolt kaj Fafner, imagu mian doloron du horojn poste ... sed ni revenu al Popoĉa Linio ...

Denove ĉijare mi havis okazon iri en tre "popolan" pekinan necesejon. La temperaturo verŝajne estis 5°C, kaj en tiu loko, sen internaj muroj, sen pordoj, viroj senĝene ĉu pisis, ĉu fekis, stare, sidante sur la kalkanumoj, fumante, kriante, telefonante, legante gazeton, la pantalono sur la ŝuoj, en stranga nuba etoso (pro la malvarmo), ŝajnis ke foje nuboj eliris el pugoj, el sub dikaj manteloj, dum la bruo de furzoj atestis, ke ne temas pri iluzio ... Tiu elegantulo kies kravato flirtis en vento samtempe telefonis kaj, pantalono sub la genuoj, fekis senĝene ... jen tiu alia apude ruktis, furzis, alparolante sian apudulon ... dum tiu pli malproksima de mi, kun turbano surkape, ŝajne kalkulis ion iomete nebulan, plurfoje perfingre kalkulis kun duba mieno, sen forgesi forte furzi ... ili ja estis dudeko tiaj ... kaj mi kaj mi kaj mi ...

En Pekino, la 11-an de novembro 2007,

******

(*) **[Ero/Skizo : 1986a U. K. en Pekino** - En Kantono, sub pluvego]

# El la taglibro de nekuracebla (kaj plu kantanta) optimisto (sekvo)

## *Michel Duc Goninaz*

**la 1an de aŭgusto 2007.** Ekskurse en Kamargo kun Pollandaj geamikoj, ni haltas en la ĉefurbo Sanktaj-Marioj-del-Maro. Niajn ekzotikulojn logas restoracio, kiu fakas pri mituloj. Esperanto sen mitoj, konsentite, sed ne sen mituloj. Eksidinte, niaj gastoj interesiĝas pri la stranga nomo de la restoracio "La Coupo Santo". Mi klarigas, ke ĝi estas la titolo de la tradicia kanto de la Provencanoj. Ha, do Provenco havas siaspecan patriotan kanton aŭ nacian himnon? Jes. Kiel ĝi sonas? Ĉar eta kanto klarigas pli, ol longa prelego, mi ĝin ekkantas :

> Prouvençau, veici la coupo
> Que nous ven di Catalan,
> Adereng beguen en troupo
> Lou vin pur de noste plant...

La aliaj klientoj sendube sin demandas, kiu estas tiu strangulo, kiu kantas provence en Provenco. Ili eĉ eble ne scias, kiu lingvo ĝi estas. En Francujo oni parolas france, ĉu ne? Almenaŭ provizore, ĉar, konsekvence de tiu murdista principo, oni baldaŭ parolos usone. Sed mi ne povas eviti la prelegon : miaj gastoj interesiĝas pri la senco de la ĵus aŭditaj vortoj. Mi klarigas : tiun kanton aŭtoris la granda Mistralo, ĝi aludas pri la solidareco inter katalunoj kaj provencanoj; ĝi invitas nin ne trinkigi niajn sulkojn per la malpura sango de la malamikoj, kiel kantas la nordaj francaj barbaroj, sed mem trinki "la puran vinon de nia vito "; ĝi asertas, ke "se pereos la felibroj [la verkistojj de la deknaŭajarcenta Provenca renesanco], pereos ankaŭ nia nacio". Jes," nia nacio" — kaj fek al la "sennaciistoj", kiuj ne nur en sia Lantia sekto, sed eĉ foje sur la paĝoj de *LKK*, komplicas kun la veraj naciistoj-imperiistoj francaj, hispanaj, rusaj, ĉinaj, serbaj, turkaj k.a. k.a. Kaj kial "La coupo santo", t.e. "la sankta pokalo"? Ĝi estas la cizelita pokalo, kiun donacis — danke pro subteno — al la Provencaj felibroj la katalunoj, defendantaj sian katalunecon kontraŭ la hispanaj regantoj. Sed "sankta" — Dio mia! Tiu vorto odoras religiecon kaj ja povas inciti la francajn "maldekstrulojn", kiuj, kiel sciate, estas same laikaj, kiel turkaj generaloj.

**Oktobre 2007.** Atentaj legantoj memoras, ke en la antaŭa numero de *LKK* mi skribis:
*Oni krome informis min, ke denove okazos komuna kongreso de UFE kaj SAT-Amikaro en la venonta jaro. Ĉu la membroj de SAT-Amikaro, kiuj estas ne "francaj", sed franclingvaj, denove toleros la aŭdadon de la himno de Sarkozy-Ségolène Royal-Le Pen-Chevènement kaj Metropolo dum esperantista kongreso, pretekste, ke ĝi okazos en "Francio" (fakte, en Provenco, se mi estas bone informita)?*
Nu, mia fatŭao denove efikis. Ĵus aperis la informo, ke la komuna kongreso ne okazos. Kiu pesimisto asertis, ke ne ekzistas justeco en tiu ĉi larmoza valo?

Pelmelas la politikaj novaĵoj. La poloj balotis por homoj iom malpli reakciaj, ol la Kaczyński-bando. Kompense la svisoj favoris faŝistoidan ksenofobon, kiu volas forpeli el la blanka "Svislando super ĉiaj suspektoj" la nigrajn ŝafojn-enmigrantojn. Usono, Turkio, Irako (suverena, kiel sciate), Rusio, Eŭropo kaj ĉiuj same civilizitaj ŝtatoj, rigardas la Partion de la Kurdaj Laboristoj (PKK) kiel "teroristan organizaĵon". Kiom originale! La turkaj naciistoj furiozas kaj rabias, svingas siajn merdozajn ŝtatajn flagojn kaj pretas al pogromoj. UN kaj la plej potencaj ŝtatoj diskutas pri tio, ĉu Kosovo sendependiĝu. Eĉ la kosovaj sendependistoj parolas pri referendumo. Ŝajne ĉiuj forgesis, ke Kosovo proklamis sin sendependa en 1991. La belgoj vivas jam preskaŭ duonjaron sen registaro, dum ĉiulandaj kretenoj papagas, ke ne eblas vivi sen registaro. Ni rimarku parenteze, ke eble tio ne tre gravas por Belgujo, kiu fakte neniam ekzistis. Bodlero superŝutis Belgujon per ĉiuj eblaj insultoj. Sed Bodlero estis poeto : li kapablis vidi imagaĵojn. Eĉ Belgujon — perfekta revulo! La diverslingvaj gazetoj, inkluzive de *Monato*, ĉiam malfruemaj, anoncas, ke Belgujo povus estontece malaperi. Kiel diras la spritaj francoj, se Belgujo ne plu ekzistos, kiamaniere ni povos veturi de Francujo al Nederlando? Ni riskos fali en nigran truon. Kaj la esperantistaj asocioj — kion ili diras pri konflikta situacio, kiu evidente havas aspektojn lingvajn (eĉ se la veraj kialoj estas, kiel kutime, ekonomiaj)? Ĉu ili atentigas pri la Bulonja deklaracio de 1905 : "[Esperanto] povus servi kiel paciga lingvo de publikaj institucioj en tiuj landoj, kie diversaj nacioj batalas inter si pri la lingvo"? Ne, ili nenion diras. Ili estas neŭtralaj. Ili lobias ĉe Unesko — aŭ eble ĉe la Ligo de Nacioj. Ili ja ne povas disvastigi la ideojn de la danĝera ekstremisto L.L. Zamenhof. Kaj la "ne-neŭtralaj" Lanti-anoj opinias, ke la nacioj ne devus ekzisti, do la problemo "kio estas nacio?" por ili ne ekzistas. La t.n. "Esperanto-movado" estas pli kaj pli mirinda.

**Novembre 2007.** Ĉiuj konas la sovetian anekdoton : "Kial, Ivan Ivanoviĉ, vi ne ĉeestis la lastan kunvenon de la Partia ĉelo? — Ho, se mi sciintus, ke ĝi estos la lasta, mi certe ĉeestus." Pri ĝi mi rememoris, legante tiun grandiozan titolon en la ĵus aperinta numero de *La Sago* : "Lasta SAT-kongreso en Parizo". Se mi sciintus...

# La Supervivantoj

(sekvo)

*Manuel de Seabra*

5

Kiam Queralt alvenis el Sitges, Carles estis tute ebria. Li malfermis kaj fermis la buŝon kvazaŭ volante vomi kaj liaj okuloj estis tre malgrandaj.

«Vi ne devus ebriiĝi», Queralt diris.

Carles eĉ ne rigardis. Li restis momenton skuante la kapon kaj poste kuŝigis la vizaĝon sur la tablo.

«Vi ne devus ebriiĝi», Queralt ripetis. «Kaj mi ne devus doni al vi la botelon. Kie estas Joan?»

Queralt skuis lin forte sed, pro tio ke li ne konsciiĝis, plenigis kruĉon per akvo kaj ĝin verŝis sur lin.

«Kie estas Joan?»

Carles skuiĝis kaj malfermis la okulojn.

«Ĉu vi aŭdas?»

«Mi ne scias!» Kaj li daŭre maĉis ion ajn, kiun la alia ne komprenis.

«Kion vi diras?»

«Nenion.» Queralt trovis amuzaj siajn grimacojn por paroli. «Li diris nenion.»

«Nu. Vi ne scias, do, kie estas Joan?»

«Li iris al la onklino.»

«Ah!», Queralt diris, sidiĝante. Kaj li denove rigardis Carles. «Kaj vi restis tie ĉi kun la botelo, ĉu ne?»

«Kion vi volas?»

«Hm!»

«Ĉu vi pensas ke mi estas virta homo?»

«Hm!»

«Mi ne estas. Ĉu vi aŭdas? Mi estas fripono!»

«Bone. Vi estas kion vi volas esti.»

«Vi eraras. Mi ne estas kion mi volas. Kion vi pensas?»

«Nenion. Mi pensas nenion.»

«Vi pensas, ke mi estas ĉio kion mi volas, ĉu ne?» Carles daŭre rigardis lin, skuante la kapon. Queralt ne respondis.

«Ĉu vi pensas, ke mi estas ĉio kion mi volas, vere?» , la alia ripetis.

Queralt ŝultrumis.

«Mi ne scias. Sed vi ne devus ebriiĝi.»

«Ne diru tion. Morgaŭ ni priŝtelos bankon, ĉu ne? Joan diris, ke vi scias priŝteli bankojn.»

«Ja.»

«Joan diris al mi, ke vi scias fari nenion alian», li insistis.

«Eble li pravas.»

«Tio signifas, ke vi scias fari nenion alian. Ĉu vere vi estas membro de la Respublika Partio?»

*«Me cago en la leche de los republicanos.»*

«Aŭ ĉu vi estas separatisto?»

*«Me cago en el separatismo.»*

«Ĉu vi scias, ke mi murdis pli ol kvindek anarkistojn dum la milito?»

«Oni rakontis al mi.»

«Mi estis separatisto.»

«Kaj nun?»

«Mi faras kiel vi.»

«Kion?»

*«Me cago en la leche del separatismo. Y me cago en la leche de la República.* Ĉu vi scias, ke la anarkistoj arestis min kaj volis mortpafi min?»

«Ne. Mi ne sciis.»

*«Ah! Me cago en la leche de los anarquistas.»*

«Akorde. Sed vi ne devus ebriiĝi.»

*«Me cago en los bancos.»*

«Kiuj bankoj?»

«Tiuj, kiujn ni priŝtelos. De antaŭ kiom da jaroj vi priŝtelas bankojn?»

«De antaŭ ok jaroj.»

«Vi jam estas konata. Vi jam estas kutima kliento», kaj li ridis.

Queralt denove plenigis la kruĉon kaj ĝin verŝis sur lin.

«Ne malsekigu min. Kion mi faris al vi?»

«Vi ne devus ebriiĝi.»

«Ne zorgu. Kial vi ankaŭ ne trinkas?»

«Ne.»

«Ne estu stulta. Ĉu vi pensas priŝteli ankoraŭ multajn bankojn?»

«Kelkajn!»

«Kaj vi donas parton al tiuj uloj?»

«Ĉu vi kredas al tio?»

«Ĉu vi scias kion mi faris en Francio?»

«Sabaté diris al mi.»

«Li diris nenion. Sabaté diris al vi nenion.»

«Bone», murmuris Queralt.

«Mi vivis el virinoj.»

«Ah!»

«Ĉu vi ne miras?»

«Mi diris "Ah!"»

«Ĉu vi neniam vivis el virino?»

«Ne. Mi ĉiam priŝtelis bankojn.»

«Vi scias, do, nur fari tion.»

«Jes.»

«Mi eĉ ne tion. Mi eĉ ne scias priŝteli bankojn. Mi nur scias kisi Elisendan. Sed tio estis antaŭ multe da tempo. Nun ŝi havas alian por kisi ŝin.»

«Ĉu vi ĵaluzas?»

«Ne. Post kelkaj jaroj ŝi oldiĝos kaj tiam neniu volos kisi ŝin.»

«Oh!»

«Kion signifas tiu "Oh!"?»

«Nenion.»

«Antaŭe mi volis esti verkisto, ĉu vi scias?»

«Kaj kion vi verkis?»

«Rakontojn. Mi verkis terurajn historiojn. Sed mi ĉiam trovis ian sencon en la homoj.»

«Kaj kial vi ne persistis?»

«Ne. Kion vi volas? Certan tagon mi eltrovis, ke tiu senco kiun mi eltrovis en la homoj estis falsa. Restis nur la

teruraj historioj. Tiam mi ĉesis.»

Ĉu Joano foriris antaŭ multe?»

«Tuj post via eliro. Ĉu vi parolis kun la patro de la junulino?»

«Jes. Li ankoraŭ ne scias kion lia filino faras en Marsejlo. Ĉu li diris, ke li vizitus la onklinon?»

«Jes. Kaj kunportis kelkajn donacojn. Kiam mi revenos, mi iros tien. Mi volas dormi kun ŝi.»

«Lasu tion. Ŝi ne estas prostituitino. Ŝi estas olda ekzila kamaradino. Ĉu vi scias, ke ŝia edzo mortis en Madrido?»

«'stas egale. Mi dormos kun ŝi.»

«Vi ne havas moralon.»

«*Me cago en la leche de la moral.* Kion vi volas? Se mi volas dormi kun ŝi, kio povos malhelpi min?»

«Kutime ŝi ne iras kun hispanoj.»

«Kun mi ŝi iros. Mi ne estas hispano.»

«Nu, kio vi estas?»

«Putinido!»

«Joan jam eliris antaŭ pli ol kvin horoj. Ĉu li diris, ke li farus alian viziton?»

«Ne. Li diris nenion. Li diris nur ke li vizitos la onklinon.»

Queralt rigardis denove la horloĝon kaj glatigis la jakon.

«Li ne devus esti tiom da tempo fore.»

«Eble li dormis kun la onklino.»

«Silentu. El via buŝo nur merdo eliras!»

«Ĉu vi pensas, ke mi ofendiĝos? Ne zorgas mi. El mia buŝo eliras ĉio kion mi volos.»

«Prefere mi serĉu lin!», diris, fine, Queralt.

«Kiel vi volos», Carles respondis. Li komencis sobriĝi. «Ĉu vi pensas ke mi devos viziti mian amikinon?»

«Jes. Se vi ne plue trinkos kaj revenos je la deka.»

«Okee.»

«Ni povos eliri kune.»

«Kion diris la patro de la junulino?»

«Nenion. Ke li vizitos ŝin kiam li havos monon.»

Carles ridis.

«Bonan surprizon li havos. Kion li pensas ke la filino faras? Kolekti monon por karitato?»

Ambaŭ eliris. Antaŭ ol ili alvenis al la strato, Queralt diris:

«Prefere oni ne eliru kune. Kie vivas via amikino?»

«Paralelo.»

«Do, iru per Hospital. Mi prenos la Ramblan.»

«Ĝis.» Carles eliris kaj komencis paŝi sur la trotuaro. Queralt vidis lin malaperi ĉe la angulo.

6

*Nu, Enric, nu. Kio okazas? Do vi nun tristiĝas? Kie estas via kuraĝo? Nu. Levu la kapon, antaŭen la brusto, etendu la gambojn energie. Kaj ridetu, eh! Ridetu. Malfermu la vizaĝon kun larĝa rideto, plenfide. Olda amiko Enric Queralt, kio okazas nun? Oh, oh! Ne povas esti. Ĉu la oldaj superstiĉoj revenas? Sed vi estas inteligenta homo. Vi ne povas kredi al tiuj historioj.*

*Diable! Jen ĝi estas la naŭa, mi scias. Vi ĉiam estis malbonsorta kun numero naŭ, tfju. Kaj vi jam priŝtelis ok bankojn. Sed ne eblas salti rekte al la deka, sen pasi tra la naŭa. Ĉio devas sekvi sian vicon, orde, kiel la amo kaj la malamo, la vivo kaj la morto, la koito kaj la suicido.Ĉu ne? Vi scias, ke mi pravas. Mi ja scias, ke vi timas la numeron naŭ. Mi ja scias. Ĝi estas via olda superstiĉo. Kaj vi pravas pri tio. Vi naskiĝis la naŭan de aŭgusto. Ĉu vi scias, ke via signo estas Leono? Vi ne kredas al la astrologio, mi ankaŭ bone scias tion. Sed, nu, tio ne signifas ke ne estas kelkaj koincidoj. Kompreneble. Vi naskiĝis en la signo de Leono. Ĉu vi scias kiaj estas la esencaj karakteroj de tiu signo? Ordonema spirito kaj neceso plenumi la sentumojn. Vi havas iom da tio, ĉu ne? Sed nun lasu la superstiĉojn! Lasu! Kuraĝu!Ĉu vi memoras, Queralt, kiam vi studis la liceon en lernejo Verdaguer? Evidente vi memoras. Vi ne povas ne memori. Vi kaj Lucia, via fratino! Vi ĉiam kune. Ĉu vi memoras? Via fratino estis jam junulino, kun la haroj ondaj, kunplektitaj en tre blonda harplektaĵo kiu falis sur la maldekstran ŝultron kaj venis ĝis preskaŭ la talio. Vi neniam apartiĝis dek metroj. Kaj se iu vidis Lucian sola, tuj pensis ke io tre grava certe okazis. Oni diris ke vi eĉ mal-saniĝis samtempe. Oh, junul', kia vivo! Ĉu vi memoras tiun tagon kiam ni ĉiuj iris al la karuselo en Tibidabo? Jes, vi iris, sendube, kaj Lucia kaj ankaŭ aliaj gejunuloj, ĉiuj kompanoj. Oh, oni vere amuziĝis. Tiam unuafoje Lucia amindumiĝis. Ĉu vi memoras? Li estis Jordi, tiu tre mal-dika junulo, kies patro havis horloĝejon en Badalona. Kian teruran disguston vi havis, Dio. Vi preskaŭ freneziĝis. Ĉu vi memoras? Ĉu vi povas ĉion bone memori? Oh, oh! Sen-dube tio estis antaŭ la milito. La afero jam bolis kaj la anark-sindikatistoj prepariĝis. La plej inteligentaj personoj diris, ke iel ajn okazus forta reakcio. Tiam vi havis esperojn, ĉu ne, Queralt? Nur estis esperoj kaj ĝojoj. Poste, ĉio mortis iom post iom. Kiel oni povus rezisti tion? Certe, vi provas. ĉu vi memoras kiam oni serĉis onklon Bartomeu kaj oni pafis lin en Sant Agustí? Oh, Dio, kiel ploris povra onklino Ester. Sed poste oni ankaŭ serĉis ŝin. Kaj ŝi restis indiferenta. Ŝi ne plu ŝatis la vivon de kiam ŝian Bartomeu oni pafis. Tio estis la 9-an de aprilo, vi pravas, certe. Vi ne povas ne pravi.*

Queralt levis la kolumon ĝis la nuko por kaŝi la kolon de la malvarma vento kiu descendis el la Pireneoj.

*Sendube pluvos*, li pensis kaj daŭre marŝis, akcelante la paŝojn. Poste li memoris Carles, povra. Li ŝajnis vere mal-esperanta. Li volis esti verkisto sed nur sukcesis esti murd-isto. Li estis tute konsternita. Oni devus zorgi pri li, ĉu li faros iun eraron. Joan, male, ne havis problemojn. Tiu nur volis virinojn. Ajnajn. Li petis nenion alian el la vivo: nur femalojn. Ĝi estas lia nura zorgo. Kaj li ne tro priokupiĝis. Li elprenis el ili ĉion kion ili povus doni kaj forlasis ilin. Kaj jen ĉio. Li estis ĉiam preta, preparita por ĉio, se tio povus doni al li kelkajn pesetojn por elspezi kun la femaloj. Carles ankaŭ estis in-amanto, certe. Ĉio aperis en liaj dikaj lipoj, lia nazo iom falinta sur la liphararon. Kaj lia rigardo, kaj vivanta kaj malvigla, trompis neniun. Sed li estis ali-speca. Tion oni tuj vidis. Joan volis virinojn pro pura volu-ptemo. Li prenis ilin nature. Carles ne. Lia parolmaniero trompis neniun. Carles estis morba. La morbideco aperis en ĉiuj liaj vortoj kaj gestoj. Du interesaj tipoj, fakte. Fek'!

Queralt ascendis lante la Ramblan. En tiu momento li pasis antaŭ Moka. *Ah! Vere plaĉus al mi eniri, sidiĝi kaj trinki kafon trankvile.* Queralt aranĝis la refaldojn de la surtuto kaj ridetis, kun tiu lia tiel karakteriza rideto, tordante leĝere la buŝon. Ah! Lucia tute ne ŝatis tion. Li ne volis sin kontroli kaj ŝi ĉiam diris ion al li, ĉie ajn.

Kelkafoje tio kreis ĉagrenajn situaciojn, kiuj kaŭzis strangajn sensacojn, ne hontaj aŭ humiligaj, aŭ io simila, sed io ajn diferenca, kiun li ne bone sciis kio estis. Ŝi diris: «Por hontigi vin, Enric!», kaj ridis, markante la du kavetojn sur la vangoj. «Por hontigi vin. Tiel oni ne devas ridi, grimacante. Kial vi ne ridas kiel ĉiuj?» Li neniam diris al ŝi, ke li malamis tiujn ulojn kiuj ridas montrante la internon de la buŝo, nigre-ruĝan, naŭzan. Ĝi estis preskaŭ pudoro elmontri la gin-givojn. Ah, sed vere tio ne gravis. Fakte, ofte li sin forgesis kaj ridis tute nature kiel ĉiuj kaj poste hontis pro tio ke li ne memoris sin kontroli.

Sed Lucia diris tion por amuziĝi ĉar jam ĉiuj alkutimiĝis al lia ridmaniero. La sola afero kiu vere ĉagrenis lin estis la fakto ke ŝi provis lin pravigi antaŭ ĉiuj. Ĉar li bone sciis, ke malantaŭ tiuj vortoj estis kvazaŭ pardonpeto pro tio ke li, ŝia frato, ridas tiel strangmaniere.

Sed tio estis jam poste, kiam ŝi konis Jordi kaj komencis amindumi. Kaj poste Estevão, kiu estis portugalo, kaj Rafaelon, ĝis ŝi fine edziniĝis kun Francesc Torró. Antaŭ ol ŝi komencis eliri kun junuloj, ĉio estis tre diferenca. Male, ŝi trovis lian ridmanieron plena de karaktero kaj personeco. Krome, Lucia trovis korekte ĉion kion li faris, ekde lia kra-vata nodo al la bukloj kiujn, intence, li lasis sur la frunto. Kaj li estis ŝia heroo. Enric memoris ke, dum li parolis, ŝi ĉiam rigardis liajn lipojn, trinkante liajn vortojn. Sendube li obstaklis, ke ŝi tondus la longan harplektaĵon, kiun ŝi uzis ĝis kiam ŝi ekkonis Jordi. Kiam ŝi ĝin tondis, kiel li ĉagren-iĝis. Kaj ĉiam riproĉis ŝin pro tio. Sed ŝi respondis, ke ŝi ne plu ŝatis la harplektaĵon. Li neniam alkutimiĝis al ŝia nova harstilo. Kaj poste ŝi tondis la hararon, ĝin lasis sur la ŝultrojn, kaj tiel plu. Sed ne plu uzis harplektaĵon aŭ prenis serioze tion, kion li diris. Certe pro la kontakto kun tiuj kretenoj kiuj eliris kun ŝi, kiuj ne vidis du spanojn antaŭ la nazo kaj nur pensis pri negocoj kaj gajni monon.

Tamen, eble tio estis pli konvena al ŝi. Almenaŭ, ŝi ne havis monajn problemojn. Ververe, Enric neniam permesus ke ŝi havus problemojn. Por tio li responsus.

Kiam la milito komencis, li estis unu el la unuaj iri en la fronton. Tiam ŝi denove rigardis lin kiel heroon kaj aplaŭdis kaj akceptis liajn opiniojn. Fakte Enric estis tre aŭdaca kaj gajnis medalon pro vundo en Aragono, kiam okazis la fama printempa avanco.

Li bone memoris tion, kvazaŭ ĝi estis hodiaŭ mem. Kiam li revenis post la vundo kiu lin meritigis la medalon, dum li estis en la hospitalo, ĉiutage ŝi vizitis lin kaj ĉiam portis donacojn, dolĉaĵojn kaj brandon. Poste, resaniĝinta, li iris al ŝia hejmo, ĉar ŝi jam estis edzino de Torró, kiu estis dek jarojn pli maljuna kaj havis malgrandan industrion de papersakoj.

Ŝi mem instigis lin eskapi en Francion. Ŝi timis revenĝon pro tio, ke li estis «tiel heroa». Komence li ne volis foriri, ne volis malaperi antaŭ ol ĉio pruviĝis perdita kaj oni pafis la lastan kuglon. Sed fine li rezignis kaj tio helpis lin. Pro tio, ke li eskapis tre frue, kiam ankoraŭ oni luktis, li povis vivi libere en Francio, ne iris en koncentrejon. Kiam alvenis la unuaj grupoj de la granda amasa fuĝo kaj la francoj amasigis ilin tra l' Midi, li jam estis instalita, kiel sekretario de inĝeniero Duvivier, en la potasominoj. Sed tiu hejmo-sida vivo nervozigis lin. Dum la milito, li alkutimiĝis al agado kaj ne plu povis konformigi sin pasigi la tutan tempon tiele, skribante al la fratino ĉiusemajne, el sia rutina laboro.

La ideo pri la bankoj venis poste, kiam komencis la movoj de la respublikanoj en Francio. Tiam li komencis tiujn periodajn ekskursojn al Barcelono. Kaj li ĉiam sukcesis. Li aperis ĉe Lucia ĉiujare kaj ŝajnigis misteran aspekton. La fratino admiris lin sed tre afliktiĝis kaj timis pro li. Ŝi sciis, ke li venis kaŝe kaj, se oni eltrovus lin, tre grava afero okazus.

Komence, li ne konfidencis al ŝi pri la bankoj. Tio eĉ amuzis lin. Li havis strangan superecan sensacion kiam, ofte, oni legis la ĵurnalon kaj oni komentis la aferon.

Kiam li diris al ŝi ke li mem estas la ulo de la bankoj, ŝi estis tutan tagon plorante. Kiam Francesc alvenis nokte, demandis:

«Kio estas tio? Viaj okuloj estas ruĝaj. Ĉu vi ploris?»

«Pro Enric. Li ne plu devos veni en Barcelonon. Iun tagon oni arestos lin aŭ io ajn alia okazos.»

Queralt trankviligis ŝin. La bofrato diris, ke estas tre danĝere, sed li estis stulta homo, senfantazia.

Nun Enric ŝatus sidi en kafejo kaj resti tie iom da tempo memorante pri tio, kviete. Sed ĉiam estas la danĝero ke oni ekkonu lin. Kiam li revenus Francien... tiam li ĉion repagus. Nun, prefere li devus iri rekte al la hejmo de Lucia, sen devioj, sen prokrastiĝi dumvoje. Lucia iom dikiĝis, perdis la oldan brilon en la okuloj, kiu donis al ŝi certan mokan esprimon, kaj eĉ ŝia blonda hararo iĝis pli malhela kaj senkolora. Enric ne bezonis, tamen, multe strebi por vidi ŝin ridetanta denove kun la harplektaĵo falanta sur la dekstran ŝultron, trinkante la vortojn el liaj lipoj... En tiu momento li estis antaŭ Banko Garriga. Morgaŭ, je la 9,10 li venos tien kun Carles kaj Joan kaj la paperujo kun la mitraleto. La taksio atendus, kun Carles celante la ŝoforon per revolvero. Li mem kaj Joan descendus kaj, en la atrio, malfermus la paperujon kaj li, Queralt, prenus la mitraleton por moderigi ĉiujn. Tiam Joan prenus la monon kaj, kun sorto, oni povus plenigi duan paperujon. Poste oni devus nur reveni al la taksio kaj ascendi Paseon de Gràcia. Kiam oni alvenus al strato Aragó, li kaj Joan elirus kaj descendus al la Metroo. Carles daŭrigus en la taksio ĝis Diagonal. Tie li siavice malaperus en la Metroo. Ĉio estis kalkulita, kronometrita, ne povos fiaski. Poste, ili kaŝiĝus dum du tagoj ĝis la reveno al Francio.

Li rigardis la Bankon kaj ridetis denove, leĝere tordante la vizaĝon. Poste li eliris el la trotuaro kaj komencis trairi lante Plaça de Catalunya.

## 7

Lucia tre ĝojis vidi lin. Ŝi brakumis lin forte kontraŭ la brusto.

«Enric! Kiel estas viaj aferoj?»

«Bone! Miaj aferoj ĉiam bonas. Sed lasu, ke mi elprenu la jakon. Kiel fartas Francesc?»

Ŝi prenis la jakon de la kolumo kaj pendigis ĝin en la koridora ŝranko. Queralt sinkis en la sofo, funde spirante.

«Ĉu vi scias kion mi plie ŝatas ĉe vi? Divenu! Ĉi sofon. Estas la ĉielo.»

Lucia staris, rigardante lin, hezite.

«Kio okazas?», Queralt demandis.

«Ah?», ŝi surpriziĝis. «Nenio.» Sed poste ŝi demandis: «Ĉu vi jam pensis edziĝi, Enric?»

Li ridis.

«Edziĝi?»

«Jes. Ĉu vi ne kredas, ke jam tempas edziĝi?»

«Oh! Kio okazas? Kia estas via ideo?»

«Jes. Mi kredas, ke vi devus edziĝi kaj strebi esti feliĉa.»

«Ĉu vi parolas serioze?»

«Kompreneble. Kial mi ne devus esti serioza, ĉu vi povas diri al mi?»

«Sed kial mi devus edziĝi? Tion mi ne scias kompreni.»

«Bah! Ĉu vere vi neniam pensis edziĝi?»

«Aŭskultu! Kia estas via ideo nun? Kion vi volas? Ĉu vi havas amikinon kiu ne volas resti nur onklino?»

«Mi havas multajn amikinojn en tia situacio. Sed mi ne deziras trudi ilin al vi. Mi nur ŝatus scii ĉu vi ne pensas edziĝi.»

«Ne!»

«Enric! Mi ne komprenas. Vi neniam havis fianĉinon. Kaj en Francio?»

«Same. Kion vi volas? Mi neniam povis renkonti iun kompareblan al certa junulino kun blonda harplektaĵo.»

Lucia ridis kaj sidiĝis sur la brako de la sofo.

«Vi estas netolerebla, Enric. Ĉu vi memoras kiam oni diris ke ni estis "la neapartigeblaj gefratoj"?»

«Ja.»

«Kaj kiam ni iris kun Isabel kaj Carmen al la *frontón* de Caputxinos veti?»

«Jes.»

«Kaj kiam estis la lerneja balo kaj ni dancis kune la tutan posttagmezon kaj ĉiuj estis indignitaj kaj diris, ke vi ne devus monopoligi vian fratinon. Ĉu vi scias ke oni murdis Jaume en Marsejlo? Mi ne proskrastiĝos. Mi serĉos lin. Li eble estas ĉe la onklino. Tio estas proksime, en strato Petxina. Post duonhoro mi estos ĉi tie denove.»

## 8

Carles kisis denove Elisendan kaj admiris ŝiajn mamojn, silente.

«Ĉu la studento ne venos hodiaŭ?»

«Ne. Mi telefonis al li matene kaj diris ke mia fratino alvenis.»

«Do, vi sciis ke mi revenus.»

«Jes.»

«Mi preskaŭ ne venis.»

«Mi ne tion kredas.»

«Kial? Ĝi estas la vero.»

«Vi ne perdus vian tempon... Ĉu ne?»

Carles pasigis sian manon leĝere sur ŝia brusto.

«Vi pravas. Ĝi estus stultaĵo.»

«Vi tiklas min.»

Li premis al ŝi mamon.

«Kaj nun?»

Elisenda ridis.

«Nun ne. Mi ŝatas ke vi dolorigu min.»

«Ĉu?»

«Jes. Ĉu vi ne plu memoras?»

«Ne tre klare. Ĉu antaŭe mi tre doloriigis vin?»

«Sufiĉe. Kelkafoje vi estis netolerebla.»

Carles ridis denove kaj brakumis ŝin forte.

«Rakontu al mi pri via vivo», ŝi petis poste.

Li ŝultrumis.

«Kion vi volas, ke mi rakontu al vi?»

«Mi ne scias. Prie.»

«Mi ne scias pri kio vi volas sciiĝi.»

«Kion vi faris en Francio?»

«Mi havis amikinon.»

«Kaj via amikino, kion ŝi faris?»

«Ŝi amis.»

«Ĉu?»

«Aŭ ŝi simulis ami. Estas la sama afero. Aŭ ne? Kelkafoje kostas al mi distingi inter ambaŭ.»

«Ĉu?»

«Jes.»

«Kie vi estis? En kiu urbo vi vivis?»

«En diversaj. En Parizo. Kaj en Tuluzo. Poste en Marsejlo.»

«Kaj nun ĉu vi forlasis ŝin?»

«Ne.»

«Kisu min.»

Carles kisis ŝin.

«Vi jam ne furioziĝas kiam vi kisas mian tutan korpon?»

«Ne. Nun mi estas saĝa persono. Mi saĝiĝis, ĉu vi scias?»

«Ĉu vi restos longe?»

«Du tagojn.»

«Kion vi faros?»

«Negocojn.»

«Carles!», Elisenda murmuris ĉe lia orelo.

«Kio?»

«Jes. Mi ĉiam amis vin. Estas strange, sed mi ĉiam amis vin.»

Li pasigis la polmon milde sur ŝia ventro kaj iom premis, rimarkante ke la junulino havis malgrandan ventron. Antaŭe ŝia ventro estis plata kvazaŭ gladtabulo.

## 9

Queralt eliris el Lucia hejmo kaj denove descendis la Ramblan. Li estis kolera. Tiu idioto, Joan, kion li do faras? Eble li denove drinkis. Jen problemo. Li povus tro babili aŭ sekvi la unuan jupon kiu pasus antaŭ lia nazo. Aŭ, eble, li flirtas kun la kuzino, kiu ŝajne estas tre *guapa*. Ĉiel, Queralt devus riproĉi lin. Ĉar oni ne povas promeni tiamaniere en Barcelona, kvazaŭ oni turismus. Se la afero okazus kun Carles, oni komprenus. Ĝi estis la unua fojo kaj li ne estis alkutimiĝinta al nia labormaniero. Sed Joan ne. Joan scias perfekte kiel oni laboras. Joan akompanas lin de la komenco, antaŭ ok jaroj. Li estis tre firma kato kaj kuraĝa. Ĉiam rezoluta. Eĉ pli ol Jaume. Almenaŭ li neniam faris stultaĵon, kaj Jaume... Bone, la kulpo ne estis nur lia, tiun fojon. Tamen. Ĉiamaniere, Joan estas ulo multe pli hardita ol Jaume.

Queralt ridis kaj rigardis la baron Canaletas. Homoj sidis ĉe la vendotablo, trinkantaj kaj babilantaj. Poste li komencis fajfi mallaŭte kaj pasigis la angulon al strato Petxina. Li iom levis la kapon por legi la pordnumerojn. La ŝtuparo estis malluma ĉar mankis lampo. Kaj estis kruta. Malgraŭ tio, li ascendis la ŝtupojn po du. Dum li venis sur la trotuaro, li povis deteni sian malpaciencon, sed tie ne plu estis motivoj sin bremsi. Rapide li alvenis al la interŝtuparo, haltis antaŭ la pordo kaj aŭdis iun plorsingulti ene. Poste, oni aŭdis voĉon:

*«¡Calla, Purita, calla!»*

Li frapis sur la pordon milde. Iu leviĝis. Oni aŭdis la pezan bruon de seĝo.

*«¿Qué hay?»*

Malfermiĝis luma rektangulo kaj forta virino, kun grandaj mamoj, aperis. Ŝi rigardis lin silente.

*«¿Que está Joan?»*

«Ah! Dio!», ŝi ekkriis. Kaj la junulino, ene, rekomencis pli laŭte la ploradon.

«Ĉu vi estas amiko de Joan? Dio! Ili atendas vin.»

Queralt turniĝis kaj vidis kvar virojn ĉe la pordo. Li metis la manon en la poŝon por preni la revolveron, sed estis tempo por nenio. Ili pafis unue kaj Queralt rulis sur la ŝtupoj ĝis la strato.

10

Kiam Carles vekiĝis, Elisenda jam moviĝis en la hejmo. Li rigardis la plafonon kun la manoj ĉe la nuko, pensante ke Queralt certe estas furioza pro tio ke li ne venis hieraŭ kiel kombinite. Poste li rigardis la horloĝon kaj ektremis. Preskaŭ la oka. Li devus hasti por esti je la naŭa en Colón. Certe Queralt riproĉus lin. Sed tio ne plu interesas. Kial li devus iri tien denove hieraŭ? Por ĉion ripeti alifoje? Sed li jam konas ĉion, kion li devus fari, parkere kaj blinde.

Li aŭdis Elisendan en la hejmo, en la kuirejo. Kaj deziris sendi Queralt diablen kaj resti tie, en la varmo. ĝis tagmeze, kaj trinki la kafon, kiun ŝi sendube portos al li en la lito.

Sed neeblis. Oni atendis lin en Colón kaj se li ne venus, oni povus fari nenion.

Ĵetis la litotukojn flanken kaj stariĝis. Rigardis la spegulon kaj streĉiĝis, rigardanta sian bildon deformitan de la malglataĵoj de la vitro.

«Ah! Aaaahh!», li grumblis.

Elisenda aperis ĉe la pordo.

«Ĉu vi leviĝas tuj?», ŝi demandis.

«Jes.»

«Ĉu vi devas eliri?»

«Jes.»

«Mi supozis, ke vi venus kun mi promeni iomete.»

«Mi ne tro proktrastiĝos. Je la 9,30 mi revenos.»

«Do, lavu vin.»

Li gestumis per la kapo, prenis cigaredon kaj ĝin ekbruligis. Poste li gustumis la aspran fumon en la buŝo.

«Ĉu vi scias, ke mi vidas vin tre pesimisma?», Elisenda diris.

«Pesimisma?»

«Jes.»

«Vi eraras. Mi ne estas pesimisma.»

«Do, kio do vi estas?»

«Mi ne scias! Ĉu vi pensas, ke mi zorgas pri tio?»

«Vi estas diferenca.»

«Ĉu mi ne kisas vin sammaniere?»

«Je kioma horo vi devas eliri?», ŝi demandis.

Li rigardis la horloĝon kaj ektremis.

«Post duono da horo.»

«Nu, hastu.»

Carles forĵetis la cigaredon kaj iris en la banujon. Li senvestigis la piĵamon kaj eniris sub la duŝon, fermante la orelojn.

«Ca-a-arles"», li aŭdis post momento ŝian voĉon krianta.

«Kio okazas?»

«Ĉu vi jam vidis la ĵurnalon?»

«Ne.»

Carles eliris, sekigante la kapon kun bantuko.

«Kio okazas?»

«Oni venis denove priŝteli bankojn», ŝi diris.

La bantuko balanciĝis dum momento en lia mano. Poste li daŭre frotis la kapon.

«Ĉu?»

«Jes. La samaj de la antaŭaj jaroj. La polico ĉasis ilin.»

«Ah!»

«Jam tempis. Antaŭ tro da tempo ili ridis pri ĉiuj.»

«Hm! Kio okazis, do?»

«La polico pafis ilin en strato Petxina. Ili estas iu Joan Cruser kaj Enric Queralt. Jen la fotoj...»

Carles ankoraŭ frotis la kapon kaj la parfumo de kolonja akvo disiĝis tra la tuta domo.

«Jen», li diris. «Miaj manoj estas humidaj. Ĉu vi povas ekbruligi al mi alian cigaredon?»

«Finfine, mi decidis ne eliri», Carles diris fine. «Kien vi volas iri tiel frue?»

NOTOJ

*Barça* (kat) – Barcelona futbala klubo.
*Calla, Putita, calla* (kast) – Silentu, Purita, silentu.
*Civiles* (kast) – Speciala hispana polico.
*De la moral* (kast) – de la moralo.
*De los anarquistas* (kast) – de la anarkistoj.
*Español* (kast) – Barcelona futbala klubo. Tradicie rivala de Barça.
*Frontón* (kast) – ejo kie oni ludas baskan pilkludon kaj oni vetas.
*Gomas* (kast) – kondomoj.
*Guapa* (kast) – *bela.*
*Los bancos* (kast) – la bankoj.
*Los republicanos* (kast) – la respublikanoj.
*Manzanilla* (kast) – hispana vino.
*Me cago en el* (kast) – Malbenita(j) estu.
*Me cago en la leche de...* (kast) – Malbenita(j) estu.
*Midi* (fr) – la sudo de Francio.
*¿Que está Joan?* (kast) – Ĉu Joan estas hejme?
*¿Qué hay?* (kast) – Kio okazas?
*Real Madrid* (kast) – Madrida futbala klubo.
*Sureté* (fr) – franca polico.




VEALMI! POST DU MONATOJ EN NIGRA AFRIKO MI PLU PIGRAS KVERELI KORUPTULOJN, ILI JA PROFITAS KE EN FORIR-MOMENTO LA TURISTO TRO LACAS POR IEL REAGI... DO, BONE, ALMENAŬ ILI NENION DIRAS PRI LA 5 MUZEECAJN KAPELOJN KIUJN MI PORTAS SURKAPE!




MEMKOMPRENEBLE TIU MANSAKO NE ALVENIS SAMTEMPE KUN LA D-RO AL BARCELONO... FAKTE LI TIAM CERTIS NENIAM PLU REVIDI ĜIN, KAJ PRO TIO LI TUJ DECIDIS KOMIKSI PRI PERDITAJ VALORAĴOJ POR ALMENAŬ DESEGNE PLUHAVI TIUJN JUVELOJN, VALORAJ NE MONE, SED PRO MAGIAJ KIALOJ, PRO ARTA PURECO, PRO RAVO AŬ DANĜERO DE DEVEN-LOKOJ...




KUN DUTAGA PROKRASTO, TAMEN, LA MANPAKO ATINGIS D-RON! KAJ FAKTE, MIRIGE, EN ĜI NUR MANKIS KVALITA, FILM-FOTILO (ĈU SIGNO POR NIA D-RO, KE TEMPAS JAM ŜANĜI AL "PLI EFIKA" DISKETA SISTEMO FOTI?) DO, TIU OMAĜO AL "PERDITAJ" AĴOJ, NUN, FELIĈE, IĜAS OMAĜO AL "RETROVITAJ" AĴOJ; BONŜANCE POR VI... ALIKAZE MI DESEGNINTUS TIUJN ARTAJN OBJEKTOJN NUR PARKERE... DO, NENIEL PER TIOM PRECIZAJ BILDOJ KIEL TIUJ KIUJ SEKVOS LAŬ LA 7 CIFEROJ ĈE SUPRE DESEGNITA SAKO! (LA 7 VERAJ MOND-RAVAĴOJ!)

* "T.D.T." = TRO DA TEKSTO!


EL BURKINO-FASO
LED-KUPRA KOLRINGO KIU PER ĜIA CENTRA KONKO OMAĜAS PIĈON!


KUPRAJ BESTOJ KUN FERAJ SPADETOJ POR ROSTI VIANDON


ĈARMA KAJ ŜIRMA ŜLOSIL-PORTILO, KUPRA (IOM TRO PEZA, FAKTE!


KUPRA ADORANTINO DE "UJOJ" KAJ "ILOJ"


GAPIGE GAPANTA KUPRULINO


KUPRA LABORANTA DIINO (ĈIUJ NIGRULINOJ DIINAS!)




MALNOVEGA KSILA PIP-FUMANTO, EN PRATEMPO ONI JA SCIIS PLENĜUE FUMI!

# LKK-bis

Jes ja, karaj, mi ĉeestis na la UK en Jokohamo ĉi-somere, kaj pro instigo de Ĵ mi provos raporti koncize pri la interesaj aferoj, laŭ mi.

La unua apartaĵo de tiu ĉi UK estis sendube la akurateco...(Iom karikature rilate la antaŭan UKn). La Kongresa Libro estis kompletigita de faldfolio, kie oni anoncis, ke la malfermo, la teatra vespero, koncerto kaj la fermo okazos unu horon pli frue ol unue publikigite ! Jes ja, pli FRUE ! Kaj konsilo legi la kongresgazeton « Ondas Jokohamo » atente... Kelkaj tamen ne atentis...

Pri la kultura parto de la kongreso, nenio allogis min plene, mi do ne raportos, sed la dimanĉa poezia tagmezo estis evento.

Ĉar ja poezia aranĝo okupis la atenton de ĉirkaŭ 220 plejparte japanoj neesperantistaj (tamen dudeko da gekongresanoj el kiu malpleno da nejapanoj) en la kromkongresejo Erošenko. Unu el la plej grandaj nuntempaj japanaj poetoj, Tanikawa Shuntaro, sampodiis kun Spomenka Štimec kaj István Ertl. Ankaŭ partoprenis interprete kaj voĉlege Kitagawa Hisashi, Usui Hiroyuki kaj Izumi Yukio.

En la unua horo, estis voĉlegitaj 13 poemoj, 3 de Tanikawa, kaj 10 de esperantaj poetoj: de Auld, Baghy, Mattos, Mao Zifu kaj Ertl, ĉiam alterne esperante kaj japane. Tanikawa mem legis ne nur siajn poemojn, sed ankaŭ po unu de Baghy kaj Auld. En la dua horo, podia diskuto inter Tanikawa, Štimec kaj Ertl pritraktis demandojn ekde "kiel Esperanto estas uzata en interreto" ĝis "Kio estas poezio". La ekinteresiĝo de Tanikawa pri la Esperanta kulturo estas dankebla al la, laŭ li, bonegaj tradukoj de Usui Hiroyuki el poemoj de Auld, kiuj ĵus aperis libroforme, en 600 ekzempleroj. (Dankon al la raporteto de István por tiu parto, kiu permesis al mi havi precizajn informojn).

Krom tio, je 200 metroj de la kongresejo, en la « Yokohama Museum of Art », ekspozicio « Bi-class, Be Quiet » de Morimura Yasumasa. Stranga sistemo amuza : la pentristo rekonstruas la dekorojn de famaj pentraĵoj de la okcidenta pentrarto, kaj fotas sin anstataŭ la ĉefrolulojn. Li do estas Mona Lisa, Van Gogh, Vermeer, frida Kahlo, kuracisto (kaj kadavro) de Rembrandt, kortanoj de Goja, ktp... Kompreneble, la fotoj estas surmurigitaj, kvazaŭ pentraĵoj originalaj.

Mi kompreneble turismumis, ĉeestis multajn kunvenojn (diable, kial la homoj tiel konstante celas senefikecon !), kaj nek hajkos nek tankaos por redakti ĉi tiun raporton.

***Jopetro Danvy***

**Germana Esperanto-Centro / Inter-kultura Centro Herzberg**, DE-37412 Herzberg - la Esperanto-urbo

Kun ĝojo ni komunikas al vi, ke jam ekzistas pli ol 40 daŭrepovaj diversaj Eo-objektoj en Herzberg - la Eo-urbo. Ekzemple la unuajn 12 vojindikilojn "Esperanto-Centro" + asocian ŝildon (Germana Eo-Centro) kunfinancis GEA. La ŝildon sur la Domo de la Renkontiĝo pagis Otto Kern. La grandan dulingvan bonvenigŝildon ĉe Turisma kaj Kulturoficejo en la Malnova Urbodomo financis la urboadministracio kune kun "Frössel-Stiftung", la Joachim Gießner-memorejon ĉe la stacidomo en Herzberg (minejtrajnĉareto kun du bonvenigtabuloj en Eo) organizis GEFA + BSW.

La novan 7-kilometran promenad-rondvojon en Herzberg "Akvo-8" kun 18 ŝildoj kun resumaj tekstoj en Eo financis "Futur-ateliero" kune kun la urbo. Do jam ekzistas 36 eo-enhavaj daŭrepovaj etaj kaj grandaj objektoj.

Krome disponeblas jam la unuaj e-lingvaj manĝokartoj de la restoracioj: Grosser Knollen, Zur Linde, Greka restoracio Akropolis. Krome en la restoracio Akropolis haveblas Eo-salato (ŝaffromaĝo kun verdaj legomoj) kaj E-stelo el verda kapsiko. Nova Eo-objekto numero 41 estas la oficiala dulingva ŝildo de la urba biblioteko

Ni dankas ankaŭ al la ĝisnunaj subtenantoj kaj tradukantoj de manĝokartoj, ekz. Gian Carlo Fighiera, Dirk Bindmann, Klaus Leith kaj Thomas Sandner. Baldaŭ sekvos novaj manĝokartoj.

Pluaj objektoj en Eo-modelurbo dependas ankaŭ de viaj ideoj, praktikaj subtenoj kaj financado. Bv. rigardi la novajn fotojn ekz. de la E-objektoj sub fotoalbumo de ic-herzberg.de Kunkreu vian novan Eo-urbon! Anticipan dankon kaj bonvenon. Amike kaj samideane salutas Petro Zilvar Marika Frense Zsofia Korody kaj la ICH-teamo

## OSIEK-PREMIO 2007

**En 2007 la Osiek-anoj proponis 20 verkojn premiindajn; ĉiuj estis prezentitaj en la junia numero de *La Gazeto*. La 20an de julio 2007, dum la IEK en Pazarĝik, Bulgario, sekreta voĉdonado atribuis la premion al**

**Armela LEQUINT & Ĵak LE PUIL**




**pro la esperantigo, el la franca, de romano de CÉLINE (*Voyage au bout de la nuit*)**

**'Vojaĝo ĝis noktofino'**

**Gratulon!**

**La premio, 600 €, rekompencas vivantan aŭtoron pro publikigita verko ne fikcia aŭ pro grava traduklaboro**

**Informoj**

*La Gazeto*, 12 sous la Ville, FR-55210 Creuë http:// osiek.org

# Vana estis mia konsilo

## *KURISU Kei*

Mi sendis al japana esp-isto NAKAI Tuneo (li mem literumas sian nomon laŭ esp-a ortografio Nakai Cuneo) fotokopion de mia eseto "Bela sonĝo" publikigita en la juli-aŭgusta-septembra n-ro de LKK, ĉar ĝin mi verkis inspirite de lia retmesaĝo, kiel mi klarigis en ĝi. Kaj en sia ĉefe japanlingva respondo (verŝajne li sin sentas multe pli hejme skribante japane ol esp-e) li informis min proksimume jenon:

1)Timante, ke la esp-movado emas malfortiĝi pro malmulteco de junuloj, li ofte staris antaŭ la pordegoj de kelkaj universitatoj en Tokio, kie li loĝas, por transdoni al studentoj varbfolietojn por Esperanto, sed neniu el ili atentis tion, des malpli eklernis pro tio Esp-on.

2)Li demandis al Renato Corsetti, ĉu ne eble, se li donacus milionon da enoj, lui domon apud la domo, kie sidas EU. La teretaĝa ĉambro estu Esperanto-salono kaj en la unuaetaĝa ĉambro estu ekspoziciejo de esp-aĵoj se eble kun kursejo de Esp-o. En la Esp-a salono, kie aŭdiĝas esp-a kanto, delegitoj kaj oficistoj de EU povus trinki kafon kaj manĝeti mamultekoste. Ĉio ĉi por veki en ili intereson pri Esp-o. Sed la respondo de Corsetti estis nea, antaux ĉio ĉar miliono da enoj ne sufiĉas por tio.

3)Li do proponis al Corsetti, ke li aranĝu loki apud la enirejo de la EU-domo budon kun ekspoziciejo de esp-aj eldonaĵoj kun seĝoj ĉirkaŭ ĝi, por ke EU-anoj povu libere trafolumi ilin aŭ lerni Esp-on, ĉar li donacus tiucele du milionojn da enoj. Ĉi tiu propono estis transsendita al la oficejo de EEU, kies respondo estis, ke loki budon surstrate estas leĝe malpermesite en Belgio, kie sidas EU kaj EEU.

4) Ni bezonas multe da mono por sukcese promocii Esp-on. Li do proponis al Corsetti, ke oni strebu varbi kiel potencajn mecenatojn mondskalajn entreprenojn kiel ekzemple Benz kun la UK en Bjalistoko 2009 kiel celo, utligante ĉe tio la amaskomunikilojn. Kaj Coresetti respondis al li, ke li transsendos lian proponon al la koncernuloj en Pollando.

Kaj Nakai fine petis mian opinion pri ĉio ĉi. Kaj post kelktaga pripenso mi respondis al li, same japane, por ke li komprenu plene, kion mi skribos, proksimume jene:

1)Mi opinias, ke tiel klopodi ĉe EU estas senutile. Du milionoj da enoj tamen estas sufiĉe granda sumo (ĉar nun unu eŭro egalvaloras al 161,1 enoj, du milionoj da enoj egalvaloras al 32,000 eŭroj). Mi do konsilas al li, ke li uzu ilin ekzemple por eldoni esperantan tradukon de "Rakonto de Genzi", la plej malnova romano en la tuta mondo pri kiu ni japanoj fieras, kaj tiucele donacu tiujn du milionojn da enoj al JEI (Japana Esperanto-Instituto) kondiĉe, ke ĝi uzu ilin por eldoni esp-an tradukon de tiu japana klasika romano.

Antaŭ kelkaj jaroj japana esp-isto MIYOSI Etuo (Laŭ la oktobra n-ro (2007) de "Esperanto" Etsuo Mijoŝi), la estro de kompanio, kiu fabrikas kaj vendas ledajn valizojn k.s., donacis al UEA kaj JEI po ducent milionoj da enoj. Kaj JEI varbis inter siaj anoj, ke ili montru la plej bonan manieron uzi ilin. Kaj mi proponis, ke ĝi uzu ilin por eldoni esp-an tradukon de "Rakonto de Genzi" kaj ĉe tio rekomendis kiel tradukanton KONISI Gaku, kiu scipovas majstre esp-igi japanajn kantojn, ĉar en "Rakonto de Genzi" ofte aperas utaoj (tankaoj): tiamaj japanaj genobeloj kaj gekorteganoj scipovis verki surloke improvize utaojn por saluti unuj la aliajn .

Sed bedaŭrinde mia propono ne estis akceptita, tiel ke ĝi restas ĝis nun ne esp-igita kaj eldonita. Tio miaopinie estas honto por la japana Esp-ujo, ĉar vidu, en Ĉinio jam estas eldonitaj en esp-a traduko eĉ du ĝiaj klasikaĵoj: "Ruĝdoma Sonĝo" kaj "Ĉe Akvorando". Ĉu "Rakonto de Genzi" estas pli malsupera ol tiuj du ĉinaj klasikaĵoj? Tute ne!

JEI disponis sufiĉan tempon por komisii al Konisi Gaku la esp-igon de "Rakonto de Genzi" kaj eldoni ĝin ĝis la ĉi-jara UK en Jokohamo. Se JEI tion farus ĝustatempe kaj la esp-a traduko de "Rakonto de Genzi" eldoniĝus okaze de la UK en Jokohamo, la japanaj amaskomunikiloj certe informus tion grandlitere kaj ĉe tio ankaŭ la UK-on. Tiel JEI preterlass la bonegan, malofte renkonteban, ŝancon por vaste informi la japanan publikon pri Esp-o.

Efektive, kiom mi scias, el la japanaj amaskomunikiloj informis pri la UK nur "Asahi", prestiĝa taggazeto, sed nur lige kun la simopozio pri la esp-a poezio. Eĉ tio okazis, miaopinie, nur ĉar ĝin ĉeestis TANIKAWA Syuntarox, tre eminenta japana poeto. Parenteze mi aldonu, ke en la septembra n-ro de revuo "Ronza" (Tribuno), eldonata de Asahi, estas publikigita la dialogo inter Tanikawa Syuntarox kaj TANAKA Katuhiko, eminenta lingvistikisto, la aŭtoro de la libreto "Esperanto, lingvo malortodoksa", antaŭ nelonge aperinta ĉe Iwanami, prestiĝa eldonejo en Tokio. En ĝi Tanikawa parolis i.a jenon: "Min ege interesis la poemoj de poeto nomata William Auld. Mi pensis, ke ĉar liaj poemoj en japana traduko interesis min tiom, Esperanto nepre egalvaloras la naciajn lingvojn." Sendube ĝuste pro tio li decidis partopreni tiun simpozion pri esperanto-poezio en la kadro de la Uk en Jokohamo. Estas tre malofta okazo, ke tre eminenta nacilingva poeto tiom alte aprezas esp-poemojn kaj konkludis de tio, ke Esp-o nepre devas egalvalori la nacilingvojn. Cetere la poemaro de Auld inkluzive la "Infanan Rason" estas japanigita de USUI Hiroyuki kaj ĝi eldoniĝis iom antaŭ la UK en Jokohamo.

Aŭ Nakai Tuneo povus uzi tiujn du milionojn da enoj, almenaŭ milionon por helpi la esp-movadon de iu nepagipova lando ekzemple Kubo, por ke ĝia Esp-Asocio establu en sia oficejo bibliotekon de Esp-libroj, ĉar per miliono da enoj oni povas aĉeti sufiĉe multajn Esp-librojn. Oni eble nomos ĝin Nakai-Biblioteko omaĝe al li. Sed montriĝis, ke li intertempe fordonacis konsiderindan parton de tiu du milionoj da enoj por helpi la viktimojn de la granda tertremo, kiu antaŭ nelonge trafis

la mezon de la gubernio Niigata apud la Japana Maro. Do mia konsilo al li okazis bedaŭrinde tro malfrue.

Tamen laŭ la oktobra n-ro de "Esperanto" mi eksciis ankaŭ, ke baze de mondonaco de Miyosi Etuo (laŭ lia propra literumo Etsuo Mijoŝi) , alia japana esp-isto, estis fondita Subvencio Cigno "por helpi konkretajn projektojn en ekonomie malfortaj landoj", kaj ke ĉi-jare la Estraro de UEA el ĝi i.a al Kuba Esperanto-Asocio donis 1000 eŭrojn "por pagi la eldonkostojn de longe atendata lernolibro de Esperanto". Tio signifas, ke ion similan al tio, kion mi vane atendis de Nakai Tuneo, koncerne la Esp-movadon en Kubo, realiĝis helpe de alia japano Miyosi Etuo, kaj mi tre ĝojas kaj fieras kiel samlandano de ĉi lasta.

Laŭ lia propra konfeso ne interesas Nakai literaturo escepte detektivaĵoj kaj li pasigas sian tempon legante anglalingvajn detektivaĵojn. Sed kial ne legi detektivaĵojn en esp-a traduko? Kiom mi scias jenaj detektivaĵoj estas jam legeblaj en esp-a traduko, nome: "La ĉashundo de la Baskerviloj" de Conan Doyle kaj kvar de Georges Simenon, "La junaĝa amiko de Maigret", "Maigret kaj maljuna damo", "Maigret hezitas" kaj "La flava hundo").

Mi mem tralegis ilin ĉiujn ne tial, ke mi estas granda amanto de detektivaĵoj sed nur por ankaŭ el ili lerni, kiel esprimi min plibone en Esp-o, ĉar kvankam mi estas esp-isto ekde 1930 kaj rigardata en la japana Esp-ujo granda veterano, eĉ eminentulo, mi kiel japano estas devigita konstante lerni de eŭropaj, pliprecize hindo-eŭropaj esp-verkistoj kaj tradukistoj, ĉar eĉ Esp-o, estante hindo-eŭropa lingvo kvankam kun elemento de aglutina lingvo en si, estas tamen tre malfacile ellernebla por nehindo-eŭropanoj, tiel ke por atingi la nivelon de unuaranga esp-isto ni japanaj esp-istoj bezonas almenaŭ kelkdekoble pli da strebado ol hindo-eŭropanoj.

Pro preskaŭ plena surdeco mi povis partopreni nur la unuajn du tagojn kaj duonon de la ĉi-jara UK en Jokohamo, sekve mi ne havis okazon observi per miaj propraj okuloj, kiel japanoj debatas kun hindo-eŭropanoj, sed laŭ SASAKI Teruhiro, profesoro de la Universitato de Saitama, kiu en ĉi lasta instruas ne nur la rusan, sian specialaĵon, sed ankaŭ Esp-on kiel regulan studobjekton (li komencis instrui ĝin ankaŭ en la pli prestiĝa Universitato de Tokio), nur tre malmultaj el la japanoj povis egalgrade debati kun ili, kaj li konkludas prave, ke tion kaŭzas granda lingva handikapo, kiun suferas japanaj esp-istoj, ĉar eĉ Esp-o kiel hindo-eŭropa lingvo multe diferencas de la japana strukture kaj vortare.

Feliĉe Nakai akceptis mian konsilon kaj unue mendis al JEI la supre nomitan romanon de Conan Doyle.

Laste mi komentu pri la fakto, ke studentoj restis indiferentaj kontraŭ tiu kortuŝa sed miaopinie vana provado de Nakai Tuneo varbi ilin por Esp-o. Tio laŭ mi ne estas mirinda, ĉar al tiuj, kiuj ne havas certan motivon ne aŭdas, kion oni parolas al ili. Ĉiu el ni esp-istoj havis ian motivon por fariĝi esp-istoj, ĉu ne? Mi mem eklernis Esp-on, ĉar mi eksciis, ke ekzistas la proleta esp-movado, kiu servas al la komunista movado. Ĉi tiun mi forte deziris rekte partopreni, sed ne povis, ĉar ĝuste tiam mi suferis ftizon, tiam rigardatan kiel nekuraceblan malsanon, kaj la komunista movado estis kontraŭleĝa, tiel ke por partoprenin ĝin oni bezonis pli ol ordinare sanan korpon por elterni severan pridemandadon eĉ torturon kaj longan enprizoniĝon post arestiĝo, kiu pli malpli frue nepre okazos.

Pri ĉio ĉi mi detale klarigis en mia eseo titolita "Kiel kaj kial mi fariĝis esperantisto" publikigita en "Fonto" (n-ro 205/1997), do ĝuste antaŭ dek jaroj. Certe ankaŭ aliaj gekolegoj el diversaj landoj jam faris ion similan. Do kial ne kompili libron el ili? Aŭ plibone varbi tiutemajn eseojn tutmonde por kompili libron "Kiel mi fariĝis esperantisto". Ĉar la temo estas komuninteresa por ĉiu esp-isto, la libro bone vendiĝus. Miaopinie UEA la unua devus eldoni tian libron. Sendube ĝi estos tradukita en diversajn lingvojn. Povus okazi, ke ankaŭ studentoj kaj junuloj legus ĝin , interesiĝus pri Esp-o kaj eklernus ĝin, kiel forte esperas Nakai Tuneo.

Pri Nakai mi supozis, ke li estas almenaŭ milionulo, se ne miliardulo, ĉar li estis preta donaci eĉ ducent mil enojn por la speco de la esp-movado liaopinie plej grava. Mi do rete demandis al li pri tio kaj evidentiĝis, ke li ne estas milonulo sed nur pensiulo, kiu tamen kromenspezas per lupagoj de domo(j), kiu(j)n li posedas. Do li estas simple unu el la mezriĉuloj, da kiuj estas sufiĉe multaj en Japanio.

Mi mem persone konas unu tian. Li estis siatempe komercisto kaj post maljuniĝo li portempe loĝis en la maljunulejo, kie mi loĝas jam kvin jarojn. Li posedis plurajn ludomojn, kies lupagoj permesis al li havi aŭton kaj motorciklon. Li do per unu el ili ofte vizitis restoraciojn, ĉar la manĝoj en la maljunulejo al li ne bongustis. Li admiris min, kiu verkas kaj prelegas malgraŭ ke mi estis multe pliaĝa ol li, kaj bonvolis kontribui, kvankam li ne estis esp-isto, eĉ tridek mil enojn al la Fonduso Shi Chengtai, kiun mi fondis por ebligi la eldoniĝon de "7000 tagoj en Siberio" de Karlo Ŝteiner ĉinigita de Shi Chengtai. Nun li ĝuas sian vivon en luksa loĝejo en Atami, bone konata varmfonta urbeto apud maro.

Kiel supre menciite, vana estis mia konsilo al Nakai Tuneo. Tamen lia evidente ekstravancaj proponoj donis al mi plurajn ideojn, antaŭ ĉio verki pri ili ĉi tiun novan eseon, kies konkludo estas proponi lanĉi la projekton por eldoni libron titolitan "Kiel mi fariĝis esperantisto". Mi do estas dankema al li!

# Vizaĝoj de Verakruco

*Peter Browne*

**13 Tre Juna Onklino (1991)**

Anĥela, 11-jara, la plej juna filino de Don Patricio, la patriarko, vivis kun la familio de Doña Blanka, en tiu homplenega ejeto, pro tio ke en la kampara najbareco de la gepatra biendomo ne haveblis lernejo. Kiam mi unue vidis Anĥelan-n mi demandis al María Eugenia ĉu tiu estas alia, pli juna fratino ŝia, kiun mi pro ia kialo ne ekkonis antaŭe. "Ne," ŝi respondis tutsimple, "tiu estas mia onklino." Verŝajne en la kampara Meksikio havi hejme onklinon naŭ jarojn pli juna ol si mem estas sufiĉe normala afero. La frato de Anĥela estis neniu alia ol Migel, kies vivo draste reorientiĝis al plibono ekde kiam li konstatis kies filo li estas. Kiel ĉiu bona patriarko en la regiono, Don Patricio patris siajn idojn tute dise tra la jardekoj, laŭplaĉe sed malurĝe: ege fekundas la vasta savano.

Dum sia restado en tiu kabaneto, Anĥela, kiel ĉiuj hejmanoj (inkluzive via aŭtoro) devis agnoski la rolon de Migel kiel *paterfamilias*, kaj submetiĝi al ties regado akorde. Aldone mi trovis ke post kelka tempo mi mem, tiutempe 34-jara, estis unu el la infanoj de la familio.

**14 La Kuirejo (1991)**

En la kuirejo oni uzis fajran, brullignan fornon dumtage, kvankam enkaŭ estis petrola kuirilo kiun oni plej ofte uzis en preparado de rizo kaj faboj. Normale longe de la tago estis agrabla, estis aroma odoro de ligna fumaĵo ĉirkaŭ la kabaneto. Alporti amason da brullignaĵo de kelka distanco estis ofta tasko, en kiu mi partoprenis tre volonte. Super la brulligna forno Doña Blanka kaj María Eugenia faradis *tortillas* de la sepa matene ĝis la dua posttagmeze – preskaŭ senhalta entrepreno, kvankam realigita kun certa elementa ĝojo. María Eugenia sonigis sian dolĉan, melodian voĉon konstante dum la laboro. La *tortillas* disvendiĝis tra la tuta vilaĝo, ofte pere de alsendo de tiu aŭ alia knabino kun plenigita siteleto. La plej efika, movema kaj ŝatata portantino estis *La Pescadito*. Oni fakte sendadis ŝin diversdirekten por plenumi aliajn, plej diversajn, taskojn: pagi ŝuldojn, komuniki mesaĝojn, ktp. La piedoj de la knabineto estis sufiĉe rapidaj, kaj ŝi kiel siamanan polmon konis la plej kurtajn vojojn kaj flankvojojn de la vilaĝo.

Danke al la daŭra kaj vigla farado de *tortillas*, eblis vivi super la nivelo de la mizero kaj maldigno, kaj eĉ aĉeti bonajn librojn aŭ okulvitrojn de tempo al tempo. La manĝaĵoj de tiuj simplaj, humilaj Meksikianoj estis riĉaj je enhavo kaj bongusto, kvankam vianda proteino estis nur aldona, fojfoja lukso. Inter bongustegaj spicoj, la ĉiea kapsiketo *jalapeño* donis fajron kaj varmon al multege da pladoj. Normale tute tipa kombinaĵo de rizo kaj faboj estis tre satiga, kaj kun la fizika, flirtema ĉeesto de Albina ĉe mia flanko, manĝi ĉe tiu humila tablo ja estis plezuro; min varmigis plaĉe kaj la manĝo kaj la ino.

**15 Ĉe Tablo Primitiva (1991)**

Kelkajn tagojn antaŭ mia fina foriro el Paso-Del-Maĉo, Albina sentoplene turnis sin al mi kaj aserteme demandis, *"Piter, no es verdad que mi mamá es tu mamá?"* (Peter, ĉu ne estas vere ke mia panjo estas kvazaŭ via panjo?). Mi ja havis lokon en tiu humila meksikia familio.

Albina, kiu jam de iom da tempo kondutis al mi ĝutikle iom edzine, regalis min per kuraĝaj amesprimoj, ofte en ĉeesto de la tuta familio: *"ay, mi güerito chulo"* (ho, mia bela alloga blonduleto) kaj eĉ *"mi pedacito de carne"* (mia kara peceto da viando).

Ofte ni manĝis kune, nuda kruro bone premata kontraŭ nuda kruro kaŝe subtable. En tiaj momentoj mi sentis min kvazaŭ forepoka reĝido, feliĉa laŭbezone ĉe tablo primitiva.

**16 Ĉe Doña Blanka (1991)**

En la kabaneto troviĝas televidilo, radio, kaj kased-aparato. Miaopinie la havebleco de tiu teknologio atestas pri relativeco de riĉeco kaj malriĉeco. En tiu malgranda, malriĉula kabano eblis perteknologie ĝui la plej variajn kultur-kurentojn meksikiajn, de la antikva, folklora muzik-kulturo ĝis la plej lastaj furorkanzonoj. Per la televido eblis spekti filmojn diversepokajn kaj diverslandajn... Oni ja havis je sia dispono tutan kulturan trezoraron, kaj ĉio kunestis, sen konfliktoj, sen plendoj. En tiu hejmo la modernaj, eĉ postmodernaj mondoj sen duboj harmoniiĝis kun diversaj tavoloj de l' pasinto. Tie estis la neolitiko, la mezepoko, la deknaŭa kaj la dudeka jarcentoj, ĉiuj sub komuna tegmento. Apudmetitaj estis ŝajne malsamaj vivtempoj, animetosoj... kaj oni saltadis de unu al la alia sen sperti kontraŭecon, kulturŝokon... tiel por la knabinoj eblis pisti nutraĵojn per neolitikaj iloj ŝtonaj, dum aŭskultado de la plejlastaj kanzonoj de tiu meksikia versio de Madonna, Gloria Trevi. Aŭ ili aŭskultis la plej antikvajn meksikiajn melodiojn dum manĝado de usonstilaj kuketoj...

Jes, tiu humila loĝejo estis fakte riĉa kulturfokuso, kaj dumtaga laborado ne malpermesis al la virinaro ties ĝuadon. Estis vere lukse konstati la plezuron kiun oni trovis en la muziko, en ĝia diverseco, esprimeco kaj riĉa nuanciĝo.

Ĉe la televid-aparato popularis ĉefe leĝeraj televid-romanoj, precipe la lastatempe furora serio *Muchachitas* (Knabinetoj), kaj ankaŭ la malnovaj Tarzan-filmoj. Verŝajne la ŝato al ĉi-lastaj kompren-

eblas el la proksimeco de la realaj ĝangaloj kiuj abundas dise tra la Verakruca kamparo...

La kabano de Doña Blanka estis malgranda, kaj en ĝi loĝis dek homoj (tio estas, sen la ĉeesto de via aŭtoro). Kaj tamen manko de spaco ne estis problemo; por ĉio estis preciza loko sub io aŭ super io. Oni jam delonge kutimis vivi flank-ĉe-flanke. Por tiuj familianoj la uson-eŭropa bezono de "privateco" estis nekonataĵo. Aldone, mi neniam ĉesis miri, ke malgraŭ tiu deviga proksimeco fizika, tute ne regis uniformeco – ĉiu ja elmontradis sian propregan, distingegan personecon. Eĉ ĝis teatraĵo. Kutimiĝo al strikta kunvivado ne signifis foreston de konfliktoj kaj militado, sed ĝi ĝenerale ebligis rapidan repaciĝon. Eble pro tio la ĉeesto de gringo en la sino de la familio estis akceptebla kiel sufiĉe normala afero. Aliflanke dumtage trovi propran spacon ne estis problemo – oni povis tutsimple foresti de la barako, aŭ pasigi la tempon en la malantaŭa korto akompanata de la paradanta birdaro kaj la snufeganta porko. (Mi pasigis multajn horojn en tiu korto, trempite en majstroverkojn de mondliteraturo)

**17 Infanmondeto (1991)**

En la korto malantaŭ la domo de Doña Blanka la infanoj sin movadis en propra mondo. Al ĉiu infano mi donacis kvanton da usonaj moneroj, kaj tiuj fremdaĵoj baldaŭ integriĝis al tiu eta kosmo, fariĝis kvazaŭ alia personeco en tiu kaŝita landeto de strangaj kantoj kaj mitologieco. Ĉiu infano sidis longe zumkantante per nekompreneblaj vortetoj. Jam de longe eniris tiun mondon lignopecoj, maiz-semoj, sed ankoraŭ nenio el plasto. Tiu infana universo troviĝas tute proksime de la tero.

Krom tiu eta mondo de la korto, la infanoj konis ĉiujn vojetojn, flankvojojn kaj padojn en Paso-Del-Maĉo kaj ties ĉirkaŭaĵo, kaj facile kuris al tiu aŭ alia punkto aŭ ejo.

**18 *La Pescadito* (1991)**

Al *La Pescadito* ne tro plaĉis la kromnomo donita de la familio. Tamen mi ŝatis ĝin: laŭ mi *Marinita* vere similis ian karan fiŝeton. Do dum niaj longaj promenadoj tra la urbeto ripetfoje okazis jena sceno: mi korinkline alvokis la knabineton per ties kromnomo, kaj responde ŝi aŭtomate kaj kolere levis la pugneton kaj admonis min plej severe: *"Piter, qué te dije? Que no me dijeras 'El Pescadito'!"* (Peter – kion mi diris al vi? Ke vi ne nomu min 'la Fiŝeto'!) "Nu, *Marinita..." "Pues más te vale!"* (despli bone por vi).

Alifoje mi rigardis min en spegulo, kombis la hararon. *La Pescadito* diris: *"Piter, te crees muy guapo porque acabas de bañarte y afeitarte? Pues no lo eres!"* (Peter, ĉu vi kredas ke vi estas tre belaspekta ĉar vi ĵus banis kaj razis vin ? Nu, vi ne estas!").

**19 Piedoj de Kuniklo (1991)**

Tiun someron mia devizo fariĝis: *"güerejo, patas de conejo!"*. Devizo ĉiam kantata per zumkanta voĉtono tipa en verakruca kamparo. Per la traduko oni rimarkos dufojan aperon de la signo "besto": en *patas* kaj en *conejo*. En la hispana lingvo la vorto *pata* kutime estas uzata kun bestoj, ne kun homoj (je kiuj temas pri *pies*). *"Ejo"* (fonetike "eĥo") estas plejparte pejorativa sufikso (*"animalejo"* oni tradukus per "bestaĉo"). Tamen tiaj uzoj ne estas nepre insultaj, ĉar ili ankaŭ funkcias por establi ian familiaran tonon. La *"ejo"* en *conejo* bone rimas sen ripeti saman lingveron, morfemon. (fakulo facile povus prezenti la stadiojn de la evoluo de *conejo* de la latina *cuniculus*; la esperanta nomo estis prenata direkte de ĉi-tiu klasika prapatro).

Laŭ vidpunkto de la miksrasa familio en Paso-Del-Maĉo, miaj piedoj similas al tiuj de kuniklo ĉar ili estas grandaj kaj harozaj. Albina unuafoje donis al mi tiun ĉi devizon, kaj baldaŭ ĝi estis uzata de ĉiuj.

**20 Okuloj Donotaj (1991)**

Iufoje najbara knabino vizitis la kabaneton de Doña Blanka por aĉeti *tortillas*. Tuj kaptis mian atenton elstara trajto: ŝiaj okuloj intensege kaj ĉiele bluaj – de eksterordinara blueco malofta eĉ en landoj norde de l' Rio Bravo. Josefina havis laŭŝajne sangon grandparte italan. Mi esprimis mian admiron pri tiu trajto al Doña Blanka, kiu siavice informis la knabinon pri tio. *"Pues se los regalo."* (Nu, mi donacos ilin al li.) estis la tuja, spontana respondo de la bluokulino.

**21 Don Toto kaj lia Viraro (1989)**

Camerón, najbara al Paso-Del-Maĉo je pr. 15 kilometroj, estas urbo kun grandaj, apertaj placoj kaj larĝaj stratoj. En la urbo estas interesa ejo. Super spaco plena korto pendas diversaj specoj de vivantaj plantoj kaj sekaj kukurboj, kiuj plaĉe duonombrigas la tablojn kaj sidejojn. Temas pri speco de trinkejo, kaj tie pasigas multajn horojn eminentaj civitanoj de la urbo. Inter tiuj estis Don Toto kaj lia viraro, dek vakeroj kun larĝrandaj ĉapeloj. Proksimume 60-jara, granda kaj fortika sed tamen ĝentila, Don Toto estis grandsinjora terposedanto el malnova tempo, kiu dum multaj jaroj havis konsiderindan politikan pezon en la regiono. La aliaj el lia areto ankaŭ eminentis: ili estis bienhavuloj kaj ties idoj, kaj almenaŭ unu estis eksurbestro. Ĉiuj elmontros tamen viglan, foje eksplodan bonhumoron de Verakruco. Ili ĝojis trovi gringon tiom flua en ilia lingvo, kio permesis neordinare liberan interŝanĝon de parolo kaj informo.

En Meksikio *la plática* (interparolado) estas nacia institucio; paroli por paroli estas estimata socia kato, se oni parolas inde. (La temoj tamen plej diversas, kaj inter ili la sekso normale tute indas.) Inter mi kaj tiuj vakeraj eminentuloj *la plática* daŭris multajn horojn. Sufiĉus diri, ke en tiuj konversacioj oni priparolis ĉion sub la suno, tute mikse. Mi informis ilin laŭdemande ke en Usono la plej aŭtentikaj vakeroj – tiuj kiuj naskiĝas surĉevale – karieras ĉef en Wyoming. Kelkaj el ili ne sukcesis elparoli tiun loknomon. Ĉiuokaze ni pasigis la tempon *a todísma madre* (tutegepatrine), tio estas, mirinde, bonege.

En tiu aperta, kreskaĵ-ombrata taverna korto oni ankaŭ sin trempis en la historion: ĉi-tie en Camerón la ambicioj de Francio en Meksikio trafis tragikan finon. Surloka monumento memorigadas fatalan malvenkon en batalo ĉi-tie: ekde tiam la steloj apartenis al Meksikio. Don Toto kun siaj kunuloj vere entuziasmiĝis dum priparolo de tiuj eventoj, nun tiom foraj en la tempo, kvazaŭ tiuj estus okazintaj nur hieraŭ.

Don Toto kaj lia anaro egale interesiĝis pri nia intercivitana milito. Mia propra vizio de tiuj tempoj (ĉ. 1863) jam estis romantike nuancita per lasttempa legado de la romanoj Absalom, Absalom kaj La Nevenkitoj de William Faulkner, kaj ĝuste pro la influo de tiuj vakeroj tie en Camerón mi egale spertis la plej viglan emocion pri tiuj aferoj longe forpasintaj. Mi ege entuziasmiĝis pri milito kaj epoko pri kiuj fakte mi sciis malmulte. Tia estis la infekta, metamorfiga vigleco de tropikaj vakeroj kaj stimulaj drinkaĵoj. Sub tiuj cirkonstancoj Don Toto kaj William Faulkner kunfandiĝis kaj fariĝis la arkitektoj de mia animstato.

**. 22 La Ligilloko (1991)**

Anĥela kelkfoje ekenuis pro la barako de Doña Blanka kaj pro la vivo en Paso-Del-Maĉo. Ŝi sopiris al la apertaj spacoj de la savano, la migrado de bovoj kaj ĉevaloj, al la larĝangula bienula domego de la grandaĝa patro. Ofte dum niaj interparoloj ŝi menciis tiun memorindan, tamen triviĝintan vojmontrilon herbomaran: *El Coyol: 8 kilómetros*. Inter ni ekestis tiurilate certa solidareco: mi ankaŭ estis iamaniere konanto de tiu regiono kaj de la sopirata vivo en la ranĉo. Fakte ni du – la gringo kaj la indianino – estis partoprenantoj de du malsamaj mondoj en la sama regiono – de la bienula kaj de la urbaĉ-kabaneta. Eble en tiu lando ne multaj tiel partoprenis tiajn malsamajn vivospacojn.

**23 Patriarka Drinkaĵo (1991)**

Don Patricio fabrikis specialan travideblan likvoron, similan al tekilo. Oni trinkas ĝin lante el tre malgrandaj glasoj dum serenaj horoj de l' krepusko. Tiu drinkaĵo samtempe bruligas kaj trankviligas...

Unufoje Don Patricio, tri filoj kaj tri filinoj vizitis la kabaneton de Doña Blanka sekve de la morto kaj entombigo de iu komuna parencino de Paso-Del-Maĉo. Ili alvenis en sia grandega, malnova brutbiena kamiono kun alta kaj spaca lignobarila parto malantaŭe, en kiu veturis kvin el la gefiloj, kelkaj sidante aŭdace sed lerte sur la supraĵoj de la resaltetanta barilo. La familio de la patriarko kunportis grandan sitelon plenplenan de *tamales* (spicigitaj, bakitaj farunaĵoj enhavantaj viandon, ĉi-foje porkaĵon). En Verakruco eĉ la morto povas esti okazo por festado kaj bona manĝo...

Don Patricio montris al mi moneron kiun li estis trovinta en sia terposedaĵo: impone granda kaj bela usona duondolaro de la jaro 1932. Ŝajne iu gringo estis tie 60 jarojn antaŭ mi kaj lasis tiun postsignon. Tiu monero elvokis por mi la etoson de gangsteroj, de la krimromanoj de Dashiell Hammett...

Don Patricio estis unu el la malmultaj Meksikianoj kiuj kritikis la ĵus finiĝintan militon de la Persa Golfo. Por li la milito nur reprezentis la imperiismajn interesojn de Usono.

La patriarko kaj la ses idoj tranoktis ĉe ni. Tio estis ŝajne neebla, ĉar tiu kabaneto jam plenplenis de homoj kaj la supoze lastan liberan spacon okupis iu vagema gringo. Tamen oni ne devas subtaksi la meksikian kapablon utiligi spacon: oni ja trovis kuŝlokon por ĉiu, ĉu surplanke, ĉu angule.

Unu el la filoj de Don Patricio studadis en katolika seminario: ĉi-momente li ĝuis iom da libera tempo. Li estis studanta kelke da lingvoj: la grekan, la latinan, kaj la anglan – sed fakte li parolis nur la hispanan. Mi ne estas katoliko, kaj nur studis kelkajn jarojn en katolika gimnazio, sed mi konstatis ke mi partoprenis komunan formiĝon kaj kulturon kune kun tiu junulo, pro tio, ke dum miaj longaj universitataj studjaroj mi estis trempita en la samajn klasikajn fontojn kaj tradiciojn. Nia interparolo daŭris multajn horojn: tra la vespero, tra la nokto. Matene, mi subaŭskultis surprizan komentarion ke la gringo kaj la seminariisto tre bone interkompreniĝis: *"Hablaron en inglés?"* (Ĉu ili interparolis angle?) Fakte ne. Tamen: komuna tradicio, komuna lingvo.

**24 La Ranĉo de Don Patricio (1991)**

Don Patricio, forta kaj sana malgraŭ 70-jaroj, havis bonan bienon kun bovoj kaj ĉevaloj, belan, spacoplenan domon kun multaj ĉambroj. Ankaŭ, li havis multe da idoj diversloke. Ĉi patriarko reprezentis la prosperon de la malpli altaj sociklasoj, ebla pro virteco, bona laboro, kaj ŝparemo, kaj ankaŭ pro la favoraj kondiĉoj kreitaj dum la Meksikia Revolucio. Ĉe li vivis kaj laboris tri filinoj kaj tri filoj, ĉiuj de la sama patrino, lia dua legitima edzino. Aliaj idoj, legitimaj kaj nelegitimaj, troviĝas dise tra la regiono; kelkaj, kiel Xavier kaj Anĥela, nur provizore forestis por studi. Unu el la filinoj ĉe la patriarka ranĉo, la 20-jara María, estis tre belaspekta kun sana bruna haŭto, bona korpo kaj plaĉa vizaĝo. Majlo tre ekamis ŝin. Sekve li ofte venis por kanti al ŝi kun sia gitaro, kaj la tuta aro da gefiloj sidiĝis en cirklo por aŭskulti.

Ne malproksime de la domo de Don Patricio – fakte nur aliflanke de l' ŝoseo – oni jam de kvin jaroj konstruadis grandegan preĝejon el masivaj grizaj ŝtonoj. Nun tiu laboro estis preskaŭ finita. Flanke de l' preĝejo estis speciala, malplena ĉambro al kiu ankoraŭ mankis tegmento. Don Patricio klarigis ke tiu ĉambro estis rezervita por la noktaj kantantoj, kiuj kunvenis tie postmeznokte por kanti "tre belajn kantojn inspiritajn de anĝeloj". Tiuj belaj kaj misteraj kantoj estis "el la pratempo, el tempo antaŭ la alveno de Kristo." La konstruado de la tuta preĝejo estis direktata de la propra frato de Don Patricio "honore al Dio, al ties anĝeloj, kaj al la sanktuloj".

**25 Ĉevalteruro (1991)**

Kelkajn tagojn post mia falo de sur la ĉevalino, mi sidis en freŝa ombreto apud la vendejo de Doña Tela. Tien alvenis la indiano Antonio. Miaj vundetoj estis ankoraŭ "freŝaj", kaj tiu "freŝeco" allogis muŝojn. *"Ves, las moscas son bien cabronas."* (Vidu, la muŝoj estas tre fi-arogaj.), observemas Antonio kun larĝega rideto montrante flavajn triviĝintajn dentojn, *saben donde está la sangre* (ili scias kie estas la sango).

Fali de sur ĉevalo en meksikia brutbieno estas ja inda travivaĵo, malgraŭ la ĝeno kaj doloro. Tio estas, se oni ne rompas al si oston aŭ kranion, ne suferas gravan vundon aŭ damaĝon. Per tia falo, oni akiras ne nur novan takson de la vivo, por la momenta alproksimiĝo al la morto – fali de sur rapide galopanta ĉevalo ja estas danĝerega, precipe por nespertulo – sed ankaŭ novan alvidon al meksikiaj moroj, folkloro. Dum la biena kuracisto – ja bonkora, homama virino – purigas miajn vundetojn kaj surmetis antibiotikon, aro da 15-20 junaj vakeroj – ĉefe el la laborista klaso – sidis kaj kaŭris tute ĉirkaŭe, gapante la *operación* kun plej granda intereso. La sekvan tagon multaj el ili unuopre gratulis mian eskapon el la ungegoj de la morto; mi devis danki Dion se mi kredas je Li. Kelkaj entuziasme priparolis sian propran falon desur azeno aŭ mulo dum la aventuremaj adoleskaj jaroj – tio estis ja bona, se ne nepra, preparŝtupo por la matura maskla.

Iun nokton dum dormo en Paso-Del-Maĉo mi spertis teruran inkub-sonĝon: mi rajdis denove sur la ĉevalino kiam ĝi komencis rapidegi, galopi per la tuta forto; ĉio sentiĝis ĝuste kiel reala okazaĵo. Mi perdis la kontrolon, falis de sur la ĉevalino, kaj ĉi-foje mia falo estis fatala, mia kranio rompiĝis kontraŭ roko. Mi scias, ke mi mortas, ke estas la rapida lasta momento; ĉio perdiĝas en vakan nigran nokton. En tiu momento mi elkriis *"HELP"* (Helpu) en denaska lingvo, tiom laŭte, ke mi vekis duonon de la familio. Inter tiuj vekitaj estis bonŝance *La Monerita*, la familia lingvisto. Mi tuj vekiĝis mem, pro granda teruro. Mi ne memoris kion mi estis elkriinta. Pri tio informis min *La Morenita* kaj per tio ŝi ja pruvis la valoron de siaj lingvaj konoj, kvankam fakte tre fragmentaj: ne nur ŝi povis diri al mi ĝuste kion mi diris premsonĝe, sed povis traduki tiun alarm-vorton por la aliaj vekitaj membroj de la familio, por kiuj temis nur pri tute nekonata fremdvorto. La sekvan tagon mi troviĝis timigita kaj morna.

Miaj nervoj ankoraŭ statis ege skuitaj. Ĉio pro tiu terura premsonĝo. Se *La Morenita* havis sian specialan talenton, ankaŭ tian havis Doña Blanka je kuraca arto. Iumomente, kiam mi perdite sidis, ŝi rapidege alproksimiĝis kaj laŭtege elkriis "for demonoj de la timo!" Per tiu ordono miaj nervoj tre rapide normaliĝis, kaj la spuroj de tiu koŝmaro ĉesis turmenti min.

(daŭrigota)

# Legi

**Bibliografie de traduceri din literatura română în limba esperanto** (Bibliografio de tradukaĵoj el la rumana literaturo en Esperanton), Bero, Roterdamo 2007, 88 p. Antaŭparolo en E-o de Jozefo E. Nagy kaj mallonga enkonduko por Esperanto-parolantoj kaj for English-speakers!

Referencojn pri 580 tekstoj originale verkitaj en la rumana de 152 aŭtoroj, kaj 622 tradukaĵoj faritaj de 78 tradukintoj. *LKK* aperas dank' al Ionel Oneț kaj László Huszár.

**Vivo de Zamenhof**, Edmond Privat, sesa eldono, redaktis Ulrich Lins, UEA, 2007, 171 p.

Jen tre bela reeldono, kun multaj fotoj de pioniroj. Oni opinias ĉion koni pri Zaza, kaj ĉiufoje oni konstatas ke aferojn oni ĉu forgesis, ĉu "zapis"! Tiel kiom aktualaj ŝajnas la leĝojn kiujn Zamnehof proponis al diplomatoj en 1915:

1° Ĉiu regno apartenas morale kaj materiale al ĉiuj siaj naturaj kaj naturigitaj loĝantoj, kian ajn lingvon, religion aŭ supozatan devenon ili havas; neniu gento en la regno devas havi pli grandajn aŭ pli malgrandajn rajtojn aŭ devojn ol la aliaj gentoj.

2° Ĉiu regnano havas plenan rajton uzi tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas. Nur en la institucioj publikaj, kiuj ne estas destinitaj speciale por unu gento, devas esti uzata tiu lingvo, kiu per komuna interkonsento de la regnanoj estas akceptita kiel lingvo regna. En tiuj publikaj institucioj, kiuj havas karakteron speciale lokan, anstataŭ la regna lingvo povas esti uzata alia lingvo, se ne malpli ol 9/10 de la urbanoj donis por ĝi sian konsenton. Sed la lingvo regna aŭ urba devas esti rigardata ne kiel humiliga tributo, kiun ŝuldas gentoj mastrataj al gento mastranta, sed nur kiel propravola poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto.

3° Pro ĉiuj maljustaĵoj, farataj en ia regno, la registaro de tiu regno estas responda antaŭ konstanta Tut-Eŭropa Tribunalo starigita per interkonsento de ĉiuj Eŭropaj regnoj.

4° Ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian, akceptitan per komuna interkonsento de ĉiuj regnoj.

Vivu utopio!!!

*Guozhu:*

# Humora ŝerco inter erudiciuloj

Yang Zhenning ( 1922-) , laŭreato de Nobel-premio ( 1957, pri fiziko) . Xu Yuanzhong ( 1921- ,plumnome:XYZ) , prof. en Pekina Universitato, majstra tradukisto, samlernejano de Yang Zhenning. Weng Fan (1976-, studentino por magistra rango. La titolo de la diplomiĝa disertacio de Weng Fan unuafoje estis "Pri la traduka pensado de Yang Zhenning" kaj la duafoja ŝanĝiĝis al "La pensado en poezia traduko de Xu Yuanzhong".

2004-12-24, 82-jara Yang Zhenning kaj 28-jara Weng Fan faris jurajn formalaĵojn por leĝa geedzeco en urbo Shantou, Guangdong-provinco en la suda Ĉinio. Ĉar la aĝ-diferenco estas tre aŭ tro granda inter la novgeedzoj, sekve tio fariĝis sensacia novaĵo en ĉina socio. Prof. Xu Yuanzhong gratulis al la novgeedzoj per sia angligo* de du poemoj en antikva aludo "Pirfloro sur spektabilo" (simile al Lolita en la Okcidento). Temis pri fama poeto Zhang Xian( 990-1078) , kiu en sia 80-a jaraĝo havigis al si 18-jaran knabinon kromedzino. Responde al saluto far Su Shi (1037-1101), la novedzo Zhang Xian improvizis jene:

Al Mia Juna Novedzino

Mi aĝas okdekjara, vi--- dekokjara.
Vi estas en floraĝo, mi--- jam blankhara.
Vi kaj mi estas samaĝa laŭ kalkulo,
se vi ignoras la sesdek jarojn nulo.

Kaj Su Shi ankaŭ sagace reciprokis al li per humora poemo:

Al la Nova Paro

Jun-edzin' kaj olda edzo iĝas paro.
Roza vango frontas kontraŭ blank-hararo.
Nokte, la ambirda par' en litkovrilo,
premas blanka pirfloro sur spektabilo**.

-----------------

Noto:
1. * Angligo far Prof. Xu Yuanzhong。
2.** spektabilo (Malus spectabilis); sovaĝa pomarbo (florarbo rozaca, kiu floras en printempo; ĝiaj floroj kun diametro de 4-5 centimetroj estas ruĝaj en la komenco kaj iom post iom paliĝas)

( 2007-09-14)

*Doina Cetea* (n. 1942)

# Kanto

El la rumana tradukis
*Ionel Oneţ*

Lasu vian brakon etendita iom plu

Por ke mi povu mezuri ĝin per kiso.

Kvazaŭ mi estus rande de rivero

Ŝtono, sablo, kuŝejo, ruzaĵo,

Venĝo, herbo, tremeto.

Samkiel la okuloj de lupoj miaj okuloj

Konstruas la perditan viktimon

Kaj ĝin serĉas en viaj manoj

Vi parolas pri la enormaj temploj

En la koloroj de l' aŭtuno, la rapido de l' aŭto

Ĉeloj tremetantaj je mia tuŝo

Vi parolas, vi parolas...

Kaj denove mi trovas min mezuranta

La etenditan brakon

Malfermantan la florojn de l' nokto

Al la morto ene de mi.

# Bluso de la rompita koro

*Serge Sire*

"Vi traktis min aĉe
Mi traktis vin milde
'stas vere, mi amas vin
sed vi ne plu mistraktu min !

La suno fojfoje brilas
en mia intima ĝarden'
De vi, deziras mi vian bildon nur
Sed ĝi restu kadre en la fotingo

Mi tuj aĉetos ŝu-paron
ŝu-paron el ligno
kaj tuj ekmarŝos
kaj marŝos ĝis forges'
de tiu bluso de la rompita koro."

Henriko BOLO

# En la lando de la rujukoj

## (Heinrich BÖLL: Im Lande der Rujuks)

La grandaj kapabloj de *James Wodruff* jam frue konatiĝis al eta rondo de specialistoj, kaj se mi mallonge raportas pri tiuj kapabloj, mi liberiĝas el malnova dankodevo, ĉar - kvankam de jaroj ni estas kolere disaj - tamen, James Wodruff estis mia instruisto: li okupis (ankoraŭ -as) la solan katedron pri rujukistiko, la solan kiu ekzistas en tiu ĉi mondo, li plenrajte konsideratas kiel la fondinto de la rujukistiko, kaj se li havis dum la lastaj du jaroj eĉ nur du disĉiplojn, oni ne subtaksu liajn meritojn, ĉar li malkovris tiun tribon, esploris ĝian lingvon, ĝiajn morojn, ĝian religion, gvidis du ekspediciojn sur malgastema insulo sude de Aŭstralio, kaj lia merito restas, eĉ se li subiĝis ankaŭ al eraroj, nemezurebla por la scienco.

Lia unua disĉiplo estis *Bill van der Lohe*, de kiu tamen nur raportindas, ke en la haveno de Sidneo li pripentis sian vivon, fariĝis monŝanĝisto, edziĝis, generis infanojn kaj poste, en la interno de Aŭstralio, mastrumis bovbredejon: Por la scienco Bill perdiĝis.

La dua disĉiplo Vodrufa estis mi: dek tri jarojn de mia vivo mi dediĉis al lernado de lingvo, moraro kaj religio de la rujukoj; kvin pliajn jarojn mi pasigis studante medicinon, por vivi kuraciste ĉe la rujukoj, sed mi rezignis pri la ŝtata ekzameno, ĉar la rujukoj - prave - ne interesiĝas pri la diplomoj de eŭropaj altlernejoj, sed pri la kapabloj de kuracisto. Krome, post dekokjara studado mia senpacienco konatiĝi kun realaj rujukoj, kriziĝis, kaj mi volis ne plu semajnon, volis ne plu tagon atendi, por fine vidi vivantajn ekzemplerojn de popolo, kies lingvon mi flue parolis. Mi pakis dorsosakon, valizojn, transporteblan apotekon, mian instrumentujon, kontrolis mian Traveller-ĉekaron, faris - por ĉiaj kazoj - mian testamenton, ĉar mi posedas kamparan domon en la Ejfela Montaro kaj profitas la uzrajtojn de fruktobieno ĉe-rejna. Poste mi prenis taksion al la flughaveno, aĉetis flugbileton al Sidneo, de kie devis min preni balenkaptulo.

Mia instruisto James Wodruff akompanis min. Li mem estis tro kaduka por riski ankoraŭ ekspedicion, sed adiaŭe ankoraŭ enmanigis al mi sian faman verkon "Popolo proksima al poluso", kvankam li tre bone sciis, ke tiun skribaĵon mi kapablis citi parkere. Antaŭ ol mi eniris la flugmaŝinon, Vodrufo vokis al mi: "Bruwal doidoi duraboi!" - kio (en libera traduko) povus signifi: La spiritoj de l' aero protektu vin! Precize ĝi ja signifus: La vento ne sendu misigajn spiritojn kontraŭ vi!, ĉar la rujukoj vivas de fiŝkaptado, kaj la favoro de la vento estas al ili sankta.

La vento ne sendis misigajn spiritojn kontraŭ ni, kaj mi alteriĝis bonfarte en Sidneo, albordiĝis tie al la balenkaptulo, ok tagojn poste estis elmetita al eta insuleto, kiu, laŭ la asertoj de mia instruisto, devis loĝi la P-rujukoj, kiuj distingiĝas disde la veraj rujukoj per tio, ke ilia aboco enhavas la p.

Sed la insulo montriĝis neloĝata, almenaŭ de rujukoj neloĝata. Mi erarvagis tutan tagon inter magraj herbejoj kaj krutaj rokoj, trovis ja spurojn de rujukaj domoj, por kies konstruo ili uzas fiŝgluaĵon kiel morteron, sed la sola homo, kiun mi renkontis sur tiu insulo, estis ĉasisto de lav-ursetoj, survoja por eŭropaj bestĝardenoj. Mi trovis lin ebria en lia tendo, kaj post kiam mi vekis lin, certigis lin pri mia sendanĝereco, li demandis min en sufiĉe vulgara angla lingvo pri certa *Rita Heyworth*. Ĉar mi ne komprenis la nomon, li skribis ĝin sur slipeton kaj ĉe tio rulis volupte la okulojn. Mi ne konis virinon kun tiu nomo kaj ne povis lin informi. Tri tagojn mi estis devigata elteni la societon de tiu trivialulo, kiu parolis preskaŭ nur pri filmoj. Fine mi povis marĉande akiri de li, kontraŭ transskribo de Traveller-ĉekoj en la valoro de 80 dolaroj, gumboaton, kaj en mortdanĝero transremis dum trankvila maro al la ok kilometrojn disa insulo, sur kiu devis loĝi la veraj rujukoj. Tiu indiko almenaŭ pruviĝis vera. Jam de malproksime mi vidis homojn stari ĉe la bordo, vidis pendigitajn retojn, vidis boatobudon, kaj energie remante kaj mansvingante mi proksimiĝis al la bordo, surlipe la alvokon: "Joi wuba, joi wuba, buweida guhal!" (De la maro, de la maro, mi venas vin helpi, fratoj!)

Sed kiam mi jam pli proksimiĝis al la bordo, mi vidis, ke la atento de la tie starantoj estis direktita al alia veturilo: la pukpukpuk-ado de motorboato proksimiĝis de okcidento, tukoj svingatis, kaj mi albordiĝis tute neatentate sur la insulo de mia sopiro, ĉar la motorboato alvenis preskaŭ samtempe kun mi, kaj ĉiuj kuris al ties paŝejo.

Mi tiris lace mian boaton sur la strandon, malkorkis la konjakbotelon de mia portebla apoteko kaj prenis profundan gluton. Se mi estus poeto, mi dirus: revo al mi disrompiĝis - kvankam revoj ja ne povas rompiĝi.

Mi atendis, ĝis la poŝtboato estis for, surŝultris mian pakaĵon kaj iris al konstruaĵo, kiu portis la senornaman surskribon "Bar". Barba rujuko tie kaŭris sur seĝo kaj legis poŝtkarton. Mi sinkis elĉerpite sur benkon kaj diris mallaŭte: "Doidoi kruw mali" (la vento elsekigis mian gorĝon). La maljunulo flankenmetis la karton, rigardis min mirigite kaj diris en

miksaĵo de rujuka kaj filmangla: "Venu, knabo, diru klare. Ĉu bieron aŭ viskion?"

"Viskion", mi diris senforte. Li leviĝis, ŝovis al mi la poŝtkarton kaj diris: "Jen legu kion skribas mia nepo al mi."

La karto havis la poŝtstampon *Hollywood*, kaj sur la dorsa flanko troviĝis unusola frazo: Generinto de mia generinto, venu trans la grandan akvon, ĉi tie ruliĝas la dolaroj.

Mi restis sur la insulo ĝis la alveno de la sekva poŝtboato, vespere sidis en la "Bar" kaj fordrinkis miajn Traveller-ĉekojn. Eĉ ne unu tie parolis ankoraŭ puran rujukan, nur oni ofte menciis nomon de virino, kiun mi unue kredis mita figuro, sed kies deveno intertempe klariĝis al mi: *Zarah Leander*.

Mi konfesu, ke ankaŭ mi rezignis la rujuk-esploradon. Nu ja, mi reflugis al Vodrufo kaj eĉ ne evitis disputon pri la uzo de la vorto "buhal", ĉar mi insistis pri tio, ke ĝi signifas akvon, sed Vodrufo obstinis pri tio, ke ĝi signifas amon.

Sed jam delonge tiaj problemoj ne plu gravas al mi. Mi forluis mian kamparan domon, kulturas fruktojn kaj ankoraŭ karesas la ideon kroni mian medicinstudadon per ŝtata ekzameno, sed mi fariĝis nun kvardekkvinjara, kaj kion mi iam faris kun scienca seriozo, mi nun faras kiel ŝatokupon, pri kio Vodrufo aparte indigniĝas. Dum la laboro ĉe miaj fruktarboj mi kantas antaŭ mi rujuk-kantojn, mi ŝatas aparte tiun ĉi:

"Wo suhal buwacha
bruwal nui loha
graga bahu, graga wiuwa
moha deiwa huwacha."
(Kial vin logas la foro, mia filo,
ĉu ĉiuj bonaj spiritoj forlasis vin?
Ne estas fiŝoj tie, ne estas kompato,
kaj via patrino ploras pro sia filo.)

Ankaŭ por sakri taŭgas la rujuka lingvo. Kiam la pograndaj komercistoj volas min trompi, mi mallaŭte diras antaŭ mi: "Graga weita" (Nenian benon tio alportu al vi), aŭ: "Pichal gromchit" (La fiŝosto restu en via gorĝo), unu el la plej teruraj sakroj de la rujukoj.

Sed kiu sur tiu tero ja komprenas la rujukan, krom Vodrufo, al kiu de tempo al tempo mi sendas keston da pomoj kaj poŝtkarton kun la vortoj "Wahu bahui" (Estimata majstro, vi eraras), al kio li kutimas respondi, same sur poŝtkarto: "Hugai" (Kabeisto), kaj mi rigardas suben al la Rejno, kiu tie preterfluas jam tiom longe.

*elgermanigis*

***Vilhelmo LUTERMANO***

*Kopirajto pri la traduko ©1999*

## Letero

Estimata KancerKlinikulo Ĵak Le Puil

Mi kaptu la okazon iom prikomenti LKK-122. La plej bonaj verkoj en ĝi estas la poemo de Manuel de Seabra, kaj la rakonto "Broso", kiu vere plenumas la interes-postulojn de vera rakontado....

En mia "Vizaĝoj de Vera Kruco" nur unu eraron mi trovis: "aŭ kreskis percepti" (p. 25/26) (devas esti "aŭ kredis...!). Nu, en la ĝardenon de ajna eldonaĵo enŝteliĝas kuniklaĉoj por fari sian malutilon. Ĉi-kaze estas nur minimume....

Pri Franca politiko ankaŭ mi scias malmulton. Per ĉi numero de LKK iom mi ellernas – sed mi ne memoros tiom da nomoj.

"Ĉinaj memoraĵoj" tre taŭge apudmetiĝas kun mia "Vera Kruco" – espereble ene de kelkaj jaroj mi ankaŭ havos ĉinajn memoraĵojn. Parenteze jam de unu jaro mi studas la Mandarinan kaj jam povas kompreni plurajn frazojn en ĉinaj kinaĵoj – vera lingva orgasmo!

... Mi esperas baldaŭ vidi LKK-123; ĉar LKK-122 finiĝas per "Ĉinaj memoraĵoj", mi menciu ke mia universitato havas planon sendi min al Ĉinio por instrui.. espereble por printempo 2008.

***Peter Browne***

Estimata: hieraŭ nokte mi finlegis la novan LKK-on. Entute ĝi tre bone enhavas. En la rakonto de Manuel de Seabra, ni vidas tre lertan uzon de dialogoj. Sed ni ĉiuj scias ke li estas profesia verkisto. Denove, mi tre ŝatis la "Ĉinaj Memoroj"-n, kaj denove mi vidas paralelon inter ili kaj mia "Verakruco".

Pli pri nova LKK (123)—mi ŝatas la japanigojn. Mi esperas ke estonte estos ankoraŭ pli da kovril-paĝoj tiom frapaj, spritaj, kaj interesaj kiel la nuna. La eltrovo de la rado elmontras desegnolerton kaj spriton…sed ne estas ĝuste por pruduloj. La SeksManiulo tute ŝokus ĉi-lastajn. Entute, tre bona numero de LKK.

***Peter Browne***

Kun granda ĝojo mi jam ricevis LKK-123. Dankon! La kolora bildrakonto pri Naskiĝo de Rado impresas luksa presaĵo. Plaĉas al mi.

***Hu Guozhu***

## Rejna de Jong

Ni ĵus eksciis pri ŝia forpaso.
Fidela abonantino (ŝi havis la numeron 10!), ŝi kontribuis al LKK per poemoj, leteroj, tradukoj. Ŝia lasta traduko "*Kiu forlasas Dion ne bezonas timi*", aperis en la numero 119, julio-aŭgusto-septembro 2006.

## Julius Balbin

kiu dum pluraj jaroj kontribuis al LKK per poemoj mortis antaŭ unu jaro.
Feliĉe, kaj por Rejna kaj por Julius restas al ni iliaj libroj.

# Basyô

(1644-1694)

eljapanigis ***Gennadij Turkov***

*fino de Aŭtuno*

Kiom da **herboj**!
Ĉiu havas sian **floron**,
kiel meriton.
***

En **sovaĝvitaj**
ruĝaj folioj tiom
da antikveco!
***

Ĉe **fizalidoj**
folioj, ŝeloj, fruktoj —
ĉio ruĝiĝis!
***

Per nuraj floroj
**fagopiro** regalas
rande de pado!
***

**Laktofungoj**! — Do,
aŭtunrosa sezono
ankoraŭ daŭros.
***

Ne fariĝinte
papilio, **aŭtunon**
ĝisvivis raŭpo!
***

Kion manĝas oni
en domet' ombrita de
**aŭtun**salikoj?

## Iom da politiko

jam francoj dubas pri
cecilangino°
virinoj celas sian homliberon
nu dum furoras sarkoziedzino
kaj edzo ĝuas komunikfieron
mi plu ŝatas neadon de ŝirako
al iraka milito empirie
ĉar mondskale en la
homarkloako
hodiaŭ proksimulo estas ĉie

\- * -

° Cecilia estas la edzino de Sarkozy. En Usono, kie ŝi feriis kun sia edzo, ŝi pretekstis anginon por ne iri tagmanĝi ĉe ge-Buŝ.

***Fra Gaeta***

# 911 mysteries

Mi klavis *"9/11 mysteries"*,
La ŝlosil-paro ĉe *Google* peris.
La filmon ĝi proponis anonce
Samkiel krio kriĉa, denunce.
Kial falis la turoj, kaj kiel ?
Ĉu fluga bato en blua ĉiel',
Ĉi teruron, pro fio ŝakala
Ĉu *Bush* orkestris, ĉu dio alah' ?
Ne enketo pri kulpo supera,
Ĉu entute fikcia, ĉu vera ?
Deksekunda falo, nigra fumo
Kaj plur-etaĝe eksploda lumo
Ne eblas falo proprapeza, ĉu ?
Ĉu scivoli pli, ĉu enketi plu ?
Kaj tria turo, disfalo mema !
*Enron* : ej fraŭdo detruiĝema,
*Worldcom*-aferoj kuŝis sur breto
Nu amianto kaj ŝtat-sekreto
Viciĝas konviktaĵoj, lavange
Indicoj duben altrafas, sange
Jam bazamente certoj forcedas
Tuta homaro akuze pledas,
Kiukomplice, tri mil viktimoj
Ne plu la versoj kaj for la rimoj !
Ekde nun laŭ kolero konvena
Disvomiĝas l' inventaro jena :
Militon necesis pravigi
Teste novajn armilojn
Kaj ŝakradon sekretigi,
pruvojn forviŝi
Kompromiton kunkulpis,
surfacon bezonis libera
Por avidi profiton,
rekonstrui spezeble
Laŭ luprezo mult-obla
Rabemo vultur-financa,
Arogas la kapitalo triumfa
Oferi trimilopon,
kia detalo !
Komplice teroron,
afekte senpekon
Kaj kompatemon flegi,
publikon brutigi
Ĝin volvi en la grandan nebulon
De l' eterna ŝtat-mensogo.

***Christian Rivière***



# Fra Gaeta

### Pri Maribor' (somere 2007)

la kastelo impresas oriflame
kaj de la supro anime kaj karne
kolombo al ĉi loko sagas fame
nun mia rememoro ŝvebas transe
en renkontiĝo ame eŭropema
kaj eltrovas pro danko subalterna
versojn por ŝi la klare sindonema
kiu nomiĝas maribore vesna

### Bildkarto

fonto naskiĝas al humila tero
kie vivo riĉiĝos per koloroj
subsune belaj antaŭ altaj montoj
dum en l' aer' feliĉos estaĵetoj
jen tiu ĉi bildkarto estas ero
de l' nunaj pensoj pri helegaj horoj
eblaj je miaj venontaj renkontoj
pro la bonfaraj semantaj disĵetoj

### La morgaŭa estinteco

se mi dezirus ŝanĝi ion intan
surpasintecen mi ne povus agi
hodiaŭ estas la morgaŭa into
do eku mi nun laŭ mia deziro
lasinte senbedaŭre la pasintan
kaj estontecon provu mi imagi
dum repaciĝas kun mia pasinto
dankante ĝin pro l' nuna ampluiro

### Al si mem decide

kiu bato survoje min atendas
mi ne scias kaj tamen fide iras
paco regas sed nepras vojaĝadi
kaj prepari laboron por revdentoj
nu ĉi nokton ekdormi vere endas
mia brusto ĝisfunde bone spiras
de l' sonĝemo mi lasu min invadi
ĝin mi brakumu antaŭ la eventoj

### Antaŭ televidilo

ĵaluzo min invadas kun envio
ĉe la televidil' daŭre kisiĝas
je kiso estas ago kapitala
junul' kaj junulin' povas elspezi
kaj mi kaj mi kaj mi sen tia io
miaj du lipoj kunpreme tristiĝas
ŝi pro kuracegad' iĝis vestala
kaj ne plu ŝatas kisadon enspezi

### Empatie sed (maje 2003)

monatojn post la mort' de juna kuzo
mi kun mia edzino ŝin vizitas
en fora lok' de l' suda italujo
"terure mi suferis pro soleco
kvazaŭ mi freneziĝis" ŝi min tenas
"teniĝu kune ni la plu vivantaj"
tion mi diras vive al vidvino
sed stare jen ĉeestas la edzino

### De Tarkuino al Groseto

(marte 1945)

malbono estis ĉiam en embusko
kaj voston montris dum enpense velis
mi lante tra la lando de l' etrusko
vi mia vivo pli kaj pli fabelis
kvankam vi venis iel specigita
intime la etoso mem nobelis
ĉar ĉio iĝis tiel kunvolvita
kun bel' kaj ĉarmo ke ĝi ekjuvelis

### Kunfide

mia protektanĝel' ĉe min revenis
nun dum momento ni interrilatas
jes malgraŭ ĉio kio nin disigis
ĉefunde kune 'stas ni kaj kunfidas
tio kio okazis ne misgvidas
malbono senvalora ĉion igis
kun la bonvolaj homoj mi kunfratas
ĉar la imenso min vivanta tenis

### Mi evitu aĉan sinsekvadon

tra la viv' vojaĝante malfacilas
eraron foreviti pro la eroj
pli kaj pli ŝanĝiĝantaj en etoso
neniam okazinta jen sufiĉas
forgesita sablero por ĉenigi
sinsekvajn malhelpaĵojn ĝis la fina
kolapsa katastrofo forlasonta
estontecen spuretojn silentemajn

### Dumorgasme

kieas dumorgasme la racio
naturo regas kaj ĝue sukcesas
interna fulmo ĉion sublumigas
svelta vivsenco ĉiel ekklariĝas
kaj pro forgeso kontenton prodigas
ĝis senestonte malavare jesas
svene l' anim' al la korpa unio

### Kion sonĝo celas

ĉi kroma viv' subgrunda kio estas
en sonĝ' farita estas ĝi nur mia
kaj kvankam analize 'stus pasia
nebule pro ekzilo ĝi atestas
jen propravivsintene mi honestas
sed mia ago malakademia
interpretata estas alĥemia
kaj al proceso iuj min arestas

### Al beleco

donante al mi iom da feliĉo
beleco min vi faris via sklavo
ĉi vivo al vi celas kun dediĉo
eĉ se mi pli kaj pli fariĝas avo
nun vi min kaptas senhezite klare
tra la rigardo reva de virino
kiu elspezas tempon malavare
logante min al fervora inklino

### Maljune kaj malkaŝe

la koro sanas kvankam ne rapidas
la fina venko tute invalidas
ĉi tie eĉ alie vivo daŭras
dum ĉi memoro pli kaj pli kaŝkaŭras
tuj rektalcele lante mi decidas
kroma vastiĝo sonĝe mallibidas
antaŭajn spertojn nun mi ne bedaŭras
la aman senton flike mi restaŭras

### Vagante

plu alvenante laŭ spontanaj emoj
el transkonscie nesondebla spaco
sonĝoj min portas aŭ eĉ ekdetruas
nur la deziraj aspiroj min helpas
antaŭeniri ĝis la lasta floro
ĉar mia penso ŝatas fantazie
forvagi kun granda homa sento
al zeaj lokoj disaj tra la mondo

### Al la pekinanino Eŭfonia

(Shan shan)

vi eŭfonia kaj mi eŭforia
ĉu via eco estos iam mia
se mi provus transceli kontinenton
mi ne bonege regus la eventon
plie homo fiksita siatempe
se vivas vintre estas ne printempe
rozujo montras rozon lacvelkintan
kaj alian parfume pleniĝintan

# B a s y ô

(1644 – 1694)

*eljapanigis **Gennadij Turkov***

(kvina parto)

*PRINTEMPO*

***

**Alaŭda** kanto.
Laŭ ĝia takt' — surtere
**fazana** voĉo.

***

Flugas **papili'**.
Sur la tuttuta kampo —
nurnura ombro!

***

Seka **sakuro**
disfloris! Rememoro
dum maljunaĝo.

***

Mi envias ĝin! —
Ĉar ekster vanta mondo
**sakuro** floras.

***

**Floradkulmino!**
Sed ial ordinaras
tagiĝ' en montoj.

***

**Keriaj** branĉoj
por ornam' de l'ĉapelo
tiel konvenas!

***

Bone 'stas al mi!
Ankaŭ ĉi-jare vokas
ĉiel' al vojaĝ'.

*Tre rara ĉe Basyô hajko sen sezona vorto. Ĝi alregistritis al printempa parto, ĉar vojaĝoj komenciĝis kutime en printempo.*

*SOMERO*

***

**Juniajn nubojn**
per la flueg' forblovu,
river' Ooi!

***

*Vulkano Gassan(Lunmonto)*

**Amas' da nuboj**
iom rompiĝis, kaj nun —
monto kun luno.

***

Kien **kukuo**
fadante flugas, tie —
sola insulo.

***

**Kukola** kanto.
Kaj densan bambuaron
lunlum' trafluas.

***

Ie inter arboj
ankaŭ te-kolektantinoj
aŭskultas **kukolon**.

***

**Bambuplantidoj**!
Infanaĝe mi amuzis,
pentrante ilin.

***

Du **irido**floroj —
ĉu similas? Tre similas!
Respegul' en akvo.

***

*Renkontiĝis poetoj-samideanoj*

**Aŭtun' proksimas** —
intergravitas koroj
kvar, sur du ĝjoo.

*Ĝjoo egalas 1,6 kv. m.*

*AŬTUNO*

***

En bovin-stalo
kula zumeto mornas.—
**Finiĝas varmo**.

***

Eosto, ŭesto —
ĉie sama malĝojo.
**Aŭtuna vento**.

***

Oni ne povas
kompari kun io ajn
**tritagan lunon!**

***

"Ĉu li 'stas blinda?" —
tiel min vidas homoj
dum **lunĝuado**.

***

Ĝia perfekto
eĉ **lunon** ne bezonas! —
Monto Ibuki.

***

**Anser'** malsana
sur fridan kampon falis
por vojnoktado.

***

Kiom da **herboj**!
Ĉiu havas sian **floron,**
kiel meriton.

***

En **sovaĝvitaj**
ruĝaj folioj tiom
da antikveco!

***

Ĉe **fizalidoj**
folioj, ŝeloj, fruktoj —
ĉio ruĝiĝis!

***

Per nuraj floroj
**fagopiro** regalas
rande de pado!

***

**Laktofungoj**! — Do,
aŭtunrosa sezono
ankoraŭ daŭros.

***

Ne fariĝinte
papilio, **aŭtunon**
ĝisvivis raŭpo!

***

Kion manĝas oni
en domet' ombrita de
**aŭtunsalikoj**?

*VINTRO*

***

Eĉ gingivoj de
peklitaj perkoj **frostas**
en ĉi fiŝbutik'!

***

Bona noktadlok':
en ĉambron lumas luno
de **lasta monat'**!

***

Por luno, neĝo
memvole mi elspezis
**finon de l'jaro.**

***

Ekas **vintra pluvo**...
Mi anstataŭigus «ekas»
per «miaanime»!

***

Mi sen ĉapelo,
kaj sur min — **vintra pluvo**!
Kial do tiel?

***

Interesas min:
ĉu neĝen transformiĝos
ĉi **frida pluvo**?

***

Ĉu bambuetoj
devis frosti tutnokte? —
Matena **prujno**.

***

**Unua neĝo!**
Eĉ narcisaj folioj
fleksiĝis sub ĝi.

***

Mi trinkis vinon —
tamen ne venas dormo!
Tutnokte **neĝas**.

***

Sub **vintra suno**
frostante sur ĉevalo
mi iĝis ombro.

***

Per lanugvesto
sin volvinte, varmiĝas
**anaskruretoj**.

***

Al branĉaĵpordo
teon — **arbedfoliojn** —
alportis tempest'!

***

Kun lupol-ermitej'
**dumvintre** kiu amikas?
Nur **verdaĵ**-kolportist'.

# *Peter Browne*

### Ido de landlim'

Landlimon mi transiras
Pro tio, kion la koro diras.
L'onklaĉo neniam komprenos,
Neniom, pri la translimiĝoj:
Mondo lia senkoloras
Senas ja je buntoj.
Idon de landlim' ne komprenos li.

Limon mi transas vaker-ĉapele
Kaj ĉapele nestas sonĝoj.
Mi pretas por solec' kaj vento
Por marŝi stratojn de Matamoros
kontenta pri nova jarcento.

Mi ŝatas ĉi-tie ĉi-monde
Ŝatas mian vaker-ĉapelon
Manĝi ian hakviandaĵon
Kaj rigardi jen la malvarmegon
Tra la tre larĝa fenestro.

Mi ŝatas tiel pasigi tempon
Min imaganta persono
En ALL THE PRETTY HORSES,
Kaj ke mias plene la mondo.

### La limgardistoj

La limgardistoj atendas min.
Kion ili diros?
Mi ne vidos iliajn okulojn
Pro la malhelaj vitroj—
Kaj tamen, ili multe okulos.

La limgardistoj de la tero bruna
La limgardistoj, de morgaŭo griza.
La insektohomoj, tie kie fluas
La rivereg', aĉa kaj sen nomo.

### Kvin diabletoj

"Estas naskonta ci!"
Tiel diras mia amikinet'
Dum kapon ŝi kuŝigas
Miaventre dum danc'.

Kaj mi: "ja, kvin diabletojn
Mi estos naskonta
Estas jam portanta
Ene de mi, en ventro.
Ĉiu estas dukornul'
Vera Aleksandro
Kaj konkeros multajn landojn.

Tiuj idoj estos la AntiBaspo
Kaj estos la signifo de la tero.
Unu nomiĝos Esperanto,
Alia la araba, kaj tiel plu.

### Antiloko

Ĉi balkono, aŭ pseudo-balkono
--farita el ĉipa betono—
Plenan privilegion liveras
Dum mi, kvazaŭ lacerto de eterneco
Tie-ĉi sidas en profunda ripozo
Super la ebeno de antiloko
--ne superege, sed tamen super,
Kaj en tio estas ega alio.

La ĉielon mi kontemplas , de
Tamaulipas
Vastan bluon, sen nuboj, nek avioj.
Silentas la antiloka strato.
Silentas. Nur mia virkoko
Voĉas ion de temp' al tempo
Tie-ĉi, en patrujo de l' forges'.
Mi nomas lin per nom' hebrea:
TARNEGOL—kaj li regas super
polvo;
Reĝo li estas de la ebenaĵo
--kaj de nenio.

TARNEGOL—cia ruĝo ne paliĝas;
Ci estas frato de l' Meksikia sun'.
Kantu, Tarnegol, kantu!
Salomono estu por somnola tago.

Jen du poemoj de Peter Browne
Eldoneblaj en LKK

### Voltaire

Ridet' de la raci'?
Ci ege pintis, ci.

Simiet' alte sidanta
Sur arbobranĉ' de jarcent'
Frivolanta.

Ridet' de la raci'?
De l' klerismo pinta specimeno
En cia ink' venen'
Sufiĉas
Por mortigi po pastron
Per vorteto.

Voltaire, Voltaire,
De intelekta spic'
Kandidon ci naskis, per malic'

### Robespierre

Revoluciul' senmanka
Sekaj semoj, sal' makabra
Ci lasas mesaĝon
En la botelo de epokoj
Por ke iu ruso ŝtala
Ekaŭdu cian kanton jakobenan.

Negra vultur', tut-frida,
Rande de rokokoa jarcento
Ankaŭ al nuptofesto iros
Kun la maŝin' filozofia.

Cia kapo: revolucia pilko.
Vultura kapo sur stango:
Dancon ni dancu en rondo.

### Sinogramoj

Lasu min pasigi
La plej longajn noktojn
Sub ĉarmoj de la
sinogramoj

En ili estas mistika
Fajro
Kaj svarmoj
De steloj
antikvaj.

Certe homaj insektoj enas
Batalantaj kun la Homo
Antaŭ naksiĝo de l'
Tempo.
Dioj sur tero marŝis.

Kio estas en sinogramoj?
Piedspuro eble
El fora galaksio
Kaj la Unukornulo
Malfermante por ĉiam
Pordojn al kono vasta.
HO ĈINIO! Faru min
Jen el argilo via.

### La fantomoj de l' okcidento

En bosko de Meskit-arboj,
Jen ili, jen ilia danc' ioma
Dum seka vent' la mondon konas.

Jen ili, blankaj inter ombroj;
Jen ili, kriantaj silente,
"Okcidenten!" Ho, Ueste, Ueste
Dancas fantomoj
De komanĉoj. Ho luno!
Ĉevalon mi rajdus ĝis El Paso,
Ĉevalon fantoman, malmildan.

Ho seka ventet', ho meskit-arboj!
Nur pluas Teksase sennoma danc'.

# Malabundas protidoj en pomo...

Far Sir'

**Maleden**

Jam aperis rete ĉe Volapüg

http://volapug.net/n004/pomo.jpg

Manĝu pomon !

Per slogano tia ci riskas stampi tutan civilizacion !

Sed tio plaĉas al mi !
Venu kaj ricevu kison plej varman !














La KancerKliniko
N° 124
Oct.-Nov.-Dec. 2007
Directeur: J. Le Puil
18210 Thaumiers
Imprimé par nos soins